Vª jaro. — Nº 65 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 5 Novembro 1909

# ESPERANTO

**OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

**ABONO**

Jara Abono . . . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse*, GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta dunmonato

**Laŭ jusa voĉdonado de la Delegitoj de U. E. A. la kotizaĵo por 1910 estas fiksita je 36 $ kiel antaŭe.**

**De nun la Subfako Ekspedado de U. E. A. estas en Genève, 10, rue de la Bourse, de kie oni povas ricevi ne nur esperantiaĵojn sed ankaŭ ĉiuspecajn librojn, revuojn k. a.**

## Ekzamenoj kaj diplomoj

Dum la kongreso en Barcelono, mi havis la honoron esti elektita de la Internacia Instituto de Esperanto por ekzameni la kandidatojn, kiuj celis la duagradan diplomon kaj la profesoran diplomon. La impreso estis por mi, kiel por ĉiuj ĉeestantoj, tute nova, ĉar eble ĝis nun neniam okazis en la mondo tia ekzamenado, en kiu la juĝantoj, same kiel la kandidatoj, apartenis al plej diversaj nacioj kaj lingvoj. Mi devas tuj diri ke tiu impreso estis ĝenerale tre bona.

La ekzamenitoj estis demanditaj nur en Esperanto pri la lingvo, pri ĝia literaturo, pri ĝia historio, kaj ankaŭ pri la nuna organizo de la Esperantista movado : preskaŭ ĉiuj perfekte komprenis ĉiujn demandojn kaj respondis per flua kaj korekta Esperanto. Ankaŭ la elparolado estis tre kontentiga; apenaŭ oni povas fari la kutimajn kritikojn, ke angloj ofte ne bone, kaj penade, prononcis la vokalojn; ke tro multe da nordaj francoj ne taŭge akcentis; ke kelkaj hispanoj ne jam bone sukcesis eljeti la sonon « j ». Sed tio estas ja detalaj malperfektaĵetoj, kiujn zorgemaj profesoroj kaj penemaj lernantoj facile povos forigi.

Mi nun volas ĉefe atentigi la legantojn pri tio, ke la ekzamenoj de la Instituto prezentas karakteron tre malsimilan je tiu de la ĝisnunaj esperantaj ekzamenoj. Rilate al tiuj lastaj, Esperanto estas lingvo kaj nur lingvo : ili celas nur atesti per iu diplomo ke la ekzamenito estas Esperantisto laŭ la senco de la Bulonja Deklarajo, t. e. ke li lernis la lingvon, povas ĝin legi, skribi, paroli kaj sekve ĝin uzi por kiu ajn celo. Povas do esti, ke oni ricevis tian diplomon, kaj ke oni estas tiel fremda rilate al Esperantismo, ĝia interna ideo, ĝia socia rolo, kiel ekzemple Brazilano, diplomita de brazila lernejo pro sia scio de germana lingvo, povas esti fremda rilate al Germanujo kaj germana kulturo.

Ĉar, por koni iun popolon kaj ĝian kulturon tute ne estas sufiĉe scii ĝian lingvon : estas necese ankaŭ koni la ĉefverkojn de ĝia literaturo, ĝian historion, ĝiajn tradiciojn, ĝiajn leĝojn. Tute same, por koni la esperantistan popolon, tute ne sufiĉas koni la elementojn de Esperanto kiuj kuŝas en la diversaj gramatikoj kaj vortaroj : estas necese ankaŭ kelkan scion pri la nomoj de Kabé, de Grabowski, de Vallienne kaj pri ilia rolo en la naskiĝo de nia Esperanta literaturo, pri la unuaj malfacilaj jaroj de la disvastiĝo de nia afero, kiel ankaŭ pri la gloraj tagoj de Boulogne, de Genève, de Cambridge, de Dresden kaj de Barcelono; ankaŭ estas eble nek ignori la ekziston kaj la rolon de la Centra oficejo kaj de la Akademio, nek la organizon de niaj propagandaj aŭ fakaj societoj, nek la principojn, la celon kaj servojn de Universala Esperanto-Asocio.

Aliparte, ĉu ni ne aŭdas ĉiutage, ke esperantistoj ne volas aŭtokratajn estrojn, ke ili mem volas, ordigi siajn aferojn laŭ liberalaj kaj demokrataj principoj? Por ke tio ne estu nur vanaj deziroj kaj fariĝu realajo, por ke, en okazo de krizo en nia afero, niaj samideanoj ne sekvu, kiel blinda ŝafaro, perfidajn paŝtistojn, estas necese ke ĉiu vera esperantisto akiru elementan scion pri la historio de nia movado, pri ĝia organizo, pri ĝiaj tradicioj kaj tendencoj. Estas do devo por ĉiu esperantista societo doni al siaj membroj tiun scion. En tiu grava tasko la Internacia Instituto de l'Esperanto ilin helpos laŭ sia tuta povo.

Mi devas konfesi ke la laboro estis granda. Pri tio mi facile konvinkiĝis dum la ekzamenoj en Barcelono. Nia literaturo estas tro malmulte konata. Kelkaj kandidatoj senhonte konfesis ke ili nur ĉeestis kurson kaj neniam legis esperantan libron. Sed ĉefe pri historio kaj organizo de Esperantismo mi aŭdis strangajn respondojn. Unu kandidato diris ke Esperanto estas kreita en 1900, alia eĉ ne sciis kiom da Esperantistaj kongresoj jam okazis kaj kie ili okazis, kaj alia ankaŭ deklaris ke la Prezidanto de Centra Oficejo estas S-ro Cart! Fine — io pli grava — kandidatoj el la sama urbo, demanditaj pri la rolo de la Esperanta Akademio, respondis : « — Enkonduki reformojn kaj plibonigojn en la lingvon, Sinjoro. — Nu, en libro, Sinjoro, Mi nenian legis esperantan libron? — Ĉu do en iu gazeto? — Ne Sinjoro, mi ne legas gazetojn esperantistajn? — Nu, kiel vi scias pri tio? — La prezidanto de nia Federacio, Sinjoro, tion diris al ni! »

Estas esperinde ke, estontece, pli bonaj estos la respondoj kaj pli multaj la kandidatoj kiuj sukcese plenumos la ekzamenon. Por tio estas necesege ke la profesoroj alfaru sian kurson al la programo de la Instituto. Por la gramatiko ili ne uzu tro da tempo; ili, post malmulte da lecionoj eniru en la praktikon de la lingvo, instruante per ĝi, pri la esperanta literaturo, la historio de nia movado, ĝia organizo. Tiel la kursoj fariĝos pli vivplenaj, pli interesaj, pli utilaj por la lernantoj, kaj la ekzamenoj plenumitaj ĉe la fino de tiuj kursoj prezentos pli da garantio, ne nur pri la lingvo sed ankaŭ pri la Esperantisma kapableco de la diplomitoj. Sed la unuaj lernantoj devas esti la profesoroj mem. Ili akiru la konojn necesajn por fari tiun kursojn ĉu per privataj legadoj, ĉu sin turnante al la Instituto kiu organizas por tio lecionojn per korespondado. Fine por ili, kiel por la lernantoj, mi esperos ke baldaŭ estos eldonataj pri tiuj diversaj temoj, bonaj lernolibroj, de kleraj aŭtoroj, kiuj tiel forigos gravan mankon en nia Esperanta libraro.

**Th. Rousseau.**

# SOCIA VIVO

## GEOGRAFIO

### Kelkaj notoj pri Urugvajo

Urugvajo estas malgranda lando en la sudorienta parto de Sud-Ameriko, inter Brazilo kaj Argentino, kuŝanta sur la norda bordo de la rivero « La Plata » kiu estas la plej larĝa rivero en la mondo (200 kilometroj). La supraĵo de tiu ĉi lando ampleksas 185-925 kvadratkilometrojn kaj ĝia perimetro estas 1.470 kilometrojn je marbordoj kaj 330 je terlimoj : ĝi enhavas 1.042.668 loĝantojn el kiuj multaj estas fremduloj, hispanaj kaj italaj la plimulto, sed troviĝas ankaŭ multaj germanaj, anglaj, francaj, k. t. p. : pro sia granda fremdloĝantaro kaj enviinda geografia situacio Urugvajo estas la plej kosmopolita Sud-Amerika lando.

Urugvajo estas, de la 25ª Aŭgusto 1830, libera nacio ; antaŭ tiu dato ĝia teritorio estis pli vasta ol nun, sed la sangaj kaj multedaŭraj militoj kaj politikaj traktaĵoj elprenis de ĝi grandajn kaj produktemajn terojn. Tamen, malgraŭ sia malgrandeco, Urugvajo estas ne nur la plej riĉa kaj mirinda sudamerika lando, sed antaŭ la plej loĝata kaj komerca, kompreneble de la kompara vidpunkto.

Efektive, malgraŭ la oftaj civilaj revolucioj kiuj terure ruinigis la kamparojn, la progresado kreskadas, la komerco kaj industrio plifortiĝas ĉiutage, atinginte hodiaŭ superan rangon. La komerco de importado kaj eksportado estas pli malpli 158 milionojn da Sm. ĉiujare ; tiu cifero sendube plialtiĝos kiam la Montevidea haveno estos finkonstruita ; tiam la ĉefurbo Montevideo estos la unuaranga Sudamerika haveno pro sia grandeco kaj sendanĝereco ; tia grandega markonstruajo kostas ĉirkaŭ 40 milionojn da Sm.

La edukado de brutaro estas unu el la ĉi tieaj gravaj industrioj, sed lasttempe la terkulturo priokupas niajn samlandanojn kaj kvankam malrapide ĝi progrese graviĝas. Nune ekzistas 30 milionoj da bestoj ; la jara buĉado atingas 650 milojn, por la eksportado kaj interlanda konsumado. La kulturado de la diversaj grenoj kaj legomoj rimarkindiĝas ; estas 520.000 hektaroj de vinberoj kun 19 milionoj de vinbertrunkoj.

Ne estas ĉe la urugvaja teritorio senfruktaj kaj neesploritaj partoj ; pli ol 500 riveroj kaj riveretoj surverŝas ĝin ĉiudirekte ; multaj el tiuj riveroj estas navigeblaj kaj faciligas la interkomunikadon, sed por tia celo estas ankoraŭ 3.200 kilometroj de fervojoj, 7.495 de telegrafaj fadenoj kaj 28.581 de telefonaj fadenoj.

Inter la industriaj ekzistantaj en Urugvajo, krom la preparado de la viandoj, estas la fabrikado de amelo, sukero, biero, ĉokolado, nutraj konservaĵoj, ĉapeloj, papero, sapo, brikoj, mozaikoj, vitro, likvoroj, kotonaĵoj, k. t. p. ; ekzistas ankaŭ oraj kaj terkarbaj minoj sed ĝis nun ili estas preskaŭ ne ekspluatitaj.

La jenaj ciferoj donos ideon pri la instruado kaj disvastigado de la publika kaj privata instruado : Ekzistas 790 lernejoj (ŝtataj lernejoj) kun 2.000 profesoroj ; 290 privataj lernejoj kun 700 profesoroj ; unu supera Universitato kun 1,600 studentoj, multaj institutoj, artaj kaj sciencaj societoj, noktaj lernejoj por plenaĝuloj, milita kaj mara akademio, t. c.

De ĉiu vidpunkto tiu ĉi lando estas studinda sed bedaŭrinde nur malmultaj fremduloj scias certe pri ĝi, kredante ke la junaj Sud-Amerikaj landoj estas ankoraŭ sovaĝaj landoj.

R.-V. Idoyaga (Del. Montevideo).

### Por la indiĝenoj de Argentino

Esploranto, S-ro Max Newmayer, — ĉi-tiea bone konata naturalisto ; — anoncis paroladon pri observoj de li faritaj, dum lasta esplora vojaĝo lia, ĉe la interno de Argentino, en loko nomata Ĉako (Chaco) ; kies klimato estas sama al tiu de la tropikoj.

En tiu loko, loĝadas ĉefe la Indoj (ruĝhaŭtuloj) pri kiuj S-ro Newmayer prefere atentigis sian aŭdantaron.

Komence, la parolanto, donis plenajn detalojn pri la produktaĵoj, klimato, k. t. p., sin trovantaj ĉe l'Ĉako ; kaj tuj, li priparoladis longe pri la stato civilizacia en la citita loko ; jen kelkaj detaloj :

« Nenion oni povas kompari, — diris S-ro Newmayer, — al tiu terura stato de sovaĝeco altrudata al obeema indiĝeno, laŭ laborsistemo karakterizata de plej kontraŭhoma ekspluatado. La Indo estas persekutata kiel besto sovaĝa, ĉe sia loĝejo de la arbaro, kie oni lin malliberigas, malgraŭ ke li evitas kiel eble kontakton, kun civilizanto ; kaj kondukata ĉe laborlokon, kie li estas submetata, al laborado deviga, pli forta ol liaj propraj fortoj, kie oni lin kondamnas al antaŭtempa malfortiĝo, sub influo de bruta ŝnurvipo uzata de l'submastro kaj kie ofte finiĝas lia vivo sen ia salajro. En tiaj laborlokoj, superreĝas ekspluatado kaj arbitreco, favorigitaj kaj helpataj de oficiala aŭtoritato. « Ĝenerale, — daŭrigas S-ro Newmayer, — la mastro aŭ submastro de tiaj laborejoj, estas reprezentanto de la leĝo, kiu realigas malĝustajn kontraktojn kun tiuj malfeliĉaj Indoj, laŭ sia propra volo kaj konsente kun siaj malgrandanimaj interesoj personaj. »

Tion diris la parolanto ; kaj ĉar li volis provi siajn parolojn, li per kinematografo, vidigis al la ĉeestantaro kelkajn scenojn de tia loko.

La ĉefa celo de ĉi tiu propagando, estas veki la atenton de la publiko, por starigi ligon, celantan plibonigi la staton de l'indiĝena vivo, helpata de la registaro.

Jam oni povas certigi ke tia ideo baldaŭ iĝos fakto, kaj plej baldaŭ formiĝos « Nacia Asocio por la helpado al la indiĝenoj. »

G. M. (Buenos-Aires).

## KOMERCO

### Kelkaj vortoj pri la reĝo de la fervojoj Edward Harriman

Antaŭ nelonge mortis unu el la plej riĉaj homoj de Usono, tio estas de la tuta mondo, nome Harriman, la reĝo de la fervojoj. En konciza stilo la gazeto *New-York Herald* donas pri li la jenan biografion : Naskita la 25-februaro 1848 ; mortinta la 9 sept. 1909. Naskita en modesta presbiterio de la preĝejo de Sta Ĝorĝo, en Hampstead ; komence senmona knabo, filo de mizera pastro ; fine, riĉega je 100-200 milionoj da $, persono de graveco nacia kaj internacia, la granda homo je la fervojaj spekuloj. Lia edukiteco : du jaroj en la protestantaj lernejoj ; 16-jara, li ricevas malaltan oficon ĉe maklerfirmo de Wall Street ; 18-jara li estas komizo kun parto en la profitoj de la mastro ; 22-jara li aĉetas oficon ĉe la Borso per sumo da 40.000 Sm., kies fonto estas neklarigita kaj akiras reputacion de unu el la plej avaraj borshomoj ; 25-jara li edziĝas kun Fno Averill, filino de riĉega bankestro ; 35-jara li havas 100.000 Sm. kaj estas direktoro, poste vicprezidanto de l'Illinois centra fervojo ; 50-jara li reorganizas la Union Pacific ĝuste kiam al S-ro Morgan malprosperis tiu tasko ; 60-jara li realigis sian ambicion : estri tutan fervojaron de unu oceano al la alia.

En la momento de sia morto, Harriman estis estro de la plej granda fervoja liniaro. La fervojoj sub lia regado havas longecon da 100.000 kilometroj. En tiuj diversaj linioj, ĉe kiuj Harriman posedis la plej altan parton, la akciuloj estis 80.000 kaj la oficistoj superas 350.000.

Pri li la ĵurnalo de la Nov-jorka borso diras jenon :

« Malgraŭ siaj eraroj kaj malfortaĵoj Harriman estis unu el la plej grandaj kaj utilaj regnanoj. La malbono de la homoj pretervivas kaj la bono farita de ili ofte enfosiĝas kun iliaj ostoj ; sed la malbono, kiun faris Harrimann por atingi la superregadon de la fervojoj ne daŭros, dum la bono de tiu vasta sistemo de komunikiloj estas videbla de ĉiuj kaj restos... »

Ĉetere multaj aliaj gazetoj ne esprimas tiel laŭdan opinion. Lia skrupuloj pri monaferoj fakte estas konfesataj de neniu. Liaj metodoj estis ofte neakcepteblaj kaj pli ol ĉio alia helpis por montri la tiranecon de la trustoj kaj la necesecon ellabori kontraŭ ili leĝojn protektajn, precipe kiam ili estras tiujn servojn, kiuj kiel fervojo estas esence publikaj servoj. La vivo de Harriman reprezentas la nunan karakterizan karieron de la reĝoj financaj en Usono : granda energio kaj persistemo ; tiraneco kaj senskrupuleco.

V. L. (Boston).

### Por batali kontraŭ la tro altaj prezoj de l'viando : La urbo viandovendejoj en Germanujo (1)

En la batalo kontraŭ la plikarigo de la vivo, multaj germanaj urboj lastatempe penis plimalgrandigi la koston de la viando, ĉu per reduktado de la ekarto inter la prezo de la brutaro kaj la prezo de la viando, ĉu per havigo de brutaro al la viandovendistoj je pli malkaraj kondiĉoj. Inter la lastaj manieroj, la plej efika estis la kreado de komunumaj viandovendejoj, kiuj cetere estis starigitaj de la urboj ne kiel konstantaj institucioj, sed kiel nedaŭra rimedo por devigi, ke la viandovendistoj monopolemaj malaltigu siajn prezojn.

En Trethug (Baden), urbo de 80.000 loĝantoj, estis starigita la unua dum 1895. Jam de longe la viandovendistoj, unuigitaj per potenca sindikato, altigis la prezojn kaj penis ĉiam pli kaj pli profiti la publikon. El ĉie venis protestoj kaj plendoj. Enketo farita de la urbestraro pruvis, ke la prezoj de vendo estis tute ne proporciaj kun la prezoj de aĉeto de l'brutaro, ke en urboj starantaj laŭ samaj kondiĉoj, kiel Heidelberg kaj Karlsruhe la prezoj estis pli malaltaj, tiel ke, dum la riĉaj familioj povis venigi viandon el norda Germanujo, la mezaj kaj malriĉaj konsumantoj estis devigitaj plimalgrandigi sian viando konsumadon.

Post diversaj sensukcesaj interrilatoj la urbestraro lastafoje skribis al la viandovendista sindikato por peti, ke ĝi malgrandigu la prezojn. La sindikato formale rifuzis ŝanĝi ion ajn. Tiun rifuzon la urbestraro respondis per tio, ke ĝi malfermis tri komunumajn viandovendejojn, kie la prezoj estis de 10 0/0 ĝis 12 0/0 pli malaltaj. La direktado estis donita al urba komisiitaro, prezidata de urbestrarano, la teknika direktado al la urba biĉejo, tute preta por tiu tasko.

La sukceso estis granda, La klientaro ĉiutage kreskis, tiel ke la efikoj estis baldaŭ senteblaj. Inter aliaj, la prezo de l'*pano*... plimalgrandiĝis. La instruo estis profitiga ankaŭ por aliaj vendistoj. Sed al la viandovendistoj ĝi estis utila. Kiam la urbestraro reprenis la traktadon kun ili, ĉi tiuj tuj cedis kaj plimalaltigis la prezojn ĝis 10 0/0, tiel pruvante, ke ili antaŭe trouzis sian monopolon. La urbaj viandovendejoj, plenuminte la celon, estis fermitaj.

Tiu batalilo estis ankaŭ pli malfrue uzita de aliaj germanaj urboj. Ili uzas ĝin laŭ tri manieroj : traktante kun la ekstersindikataj viandovendistoj ; liverante vendejojn kaj vendistojn al la brutedukistoj, tiel direkte rilatantaj kun la konsumantoj ; fine, direkta ekspluatado, kiel supre dirite.

En Bonn, la sindikato trudis al siaj anoj tre altan tarifon kaj malpermesis la publikigon ĉe la prezaro. La urbestraro traktas kun du vendistoj ekster la sindikato kaj interŝanĝe de iaj profitoj ricevas de ili pli malaltan tarifon ; la sindikato tiam ekcedas kaj konsentas publikigi la prezojn.

En Freising kaj Bad-Reichenhall (Bavarujo), oni invitas la kamparanojn, ke ili biĉu sian bruton ĉe la urba buĉejo kaj tie oni metas al ilia dispono vendejon kaj vendiston ; cetere la eksperimento ne sukcesas, sed en Landsberg am/Lech ĝi plene prosperas : la konsumantoj pagas la viandon 15 0/0 pli malkare. De la tria tago la vendistoj privataj malaltigas la prezojn. En Diedenhofen (Lotaringio), la urbo malfermas viandovendejon, kies sukceso estis tuja. La privataj vendistoj povis akiri la tutan brutaron kaj kredante, ke la urbo ne povos sin provizi, restigis la prezojn, sed la komunuma vendejo povis esti provizita ; la sindikato cedis kaj malaltigis la prezojn.

Tiel, ĉiuj eksperimentoj sukcesis. Oni trovis rimedon por finigi la ekspluatadon de la publiko per la viandovendistaj sindikatoj kaj fiksi la prezon de la viando proporcie kun la kurzo de l'brutaro kaj normala komerca profito. Ĝi estas jam ŝatinda rezultato.

E. MILHAUD.

(1) Laŭ Edgar Milhaud en « Les Annales de la Régie directe » (Genève).

## KONGRESOJ & FESTOJ

### La datreveno de la Argentina Respubliko. — La Tut-Amerika Kongreso.

Okaze de l'unua centjara datreveno de la sendependa stato de Argentina Respubliko oni organizas entreprenojn, kies unuaj laboroj komencis jam ; el ili, la internacia ekspozicio de fervojoj kaj komunikiloj, kaj la internacia konkurso de flugmaŝinoj ĉiuspecaj, estas la plej gravaj, ĉar en tiuj okazontaĵoj, partoprenos ĉiulandaj teknikistoj, interesataj pri tiaj aferoj.

Por la flugmaŝina konkurso, estos invitataj, la jam fame konataj Wright, Blériot, Delagrange, Santos-Dumont, k. t. p., kiuj, sendube venos ĉi tien, kun la celo admirigi siajn respektivajn aparatojn.

Alia okazontaĵo, — kiu precipe interesas Amerikon — estas la Tut amerika kongreso ; kiu devos esti en Buenos-Aires, laŭ decido de l'antaŭa samspeca kongreso okazinta en Brazilo, dum la nuna jaro. Pri tiu ĉi afero, ekzistis antaŭnelonge, iaj malkompreniĝoj inter la Sud amerikaj registaroj, kiuj dubigis la argentinan pri ĉu estus taŭga aŭ ne kunvoki la kongreson en Buenos-Aires, aŭ peti al Oficejo de l'Sud amerikaj respublikoj ekzistanta en Washington, difinon de alia ĉefurbo, por tiu Tut amerika Kongreso.

La ĉefa kaŭzo de tiu dubo estis lasta malkompreniĝo politika inter Peruo kaj Bolivio en kiu Argentina registaro, plenumante rolon de juĝanto, esprimis opinion tute ne plaĉan por Bolivio.

Tamen, post ne longa diskutado, la politika atmosfero, iom klariĝis — kiel ĉiam okazas — kaj nun, oni preparas la diskutotan programon por la kongreso.

Laŭ kredindaj opinoj, tiu programo estos interesa dokumento kaj la aferoj pritraktotaj estos gravaj por la estonta agado de l'Sud-Amerikaj registaroj.

G. M. (Buenos-Aires).

## AERVETURADO

### Aerveturado kaj aerveturistoj en Frankfurt

Ĵus estis fermita la « Ila » (Internationale Luftschiffahrts) kaj estas la tempo fari kelkajn rerigardojn al la ekspozicio.

En la unua tempo de la ekspozicio la estraro havis multe da malfacilaĵoj pro la malbona vetero kaj multe da vizitintoj ne estis kontentaj pri la vizito kaj pri la neestintaj vidindaĵoj. Tro multe da personoj, precipe fremduloj, kiuj nur venis por vidi motorbalonojn, k. t. p., devis forlasi nian urbon sensukcese, ĉar ili postulis de la estraro pli multe oni ĝi povis doni. Ili forgesis precipe, ke la aerveturada movado estas ankoraŭ malgranda ido, kiu devas ankoraŭ trinki multe da lakto por iĝi plenaĝa. Kvankam mankis en la komenco de la ekspozicio la diritaj vidindaĵoj, oni tamen povis havi sukceson per rigardo de la multaj objektoj en la granda ekspozicia halo. Pli ol cent diversaj modeloj de flugmaŝinoj kaj motorbalonoj montris al la atenta vizitanto la tutan internacian movadon de la aerveturado. Unuflanke oni povis admiri la seriozan kaj sukcesan laboron de kelkaj eltrovintoj kaj aliflanke oni ankaŭ havis ofte okazon por vidi aŭ almenaŭ rideti pri la neebla ideo de aliaj eltrovistoj. Ĉe la rigardo de la flugmaŝinoj oni havis la impreson, ke la simplaj sistemoj estas la plej bonaj, kaj tiu ĉi impreso estis certigata per la faktoj en la aviada semajno de Frankfurto.

La dua periodo de la ekspozicio montris al ni multe da motorbalonoj, inter kiuj « Zeppelin » havas la unuan rangon, kvankam ankaŭ la aliaj sistemoj kiel « Parseval », « Cloŭth », « Ruthenberg » havis sufiĉe bonan sukceson. Pri la Zeppelinaj tagoj en Frankfurto mi ne devas rakonti, ĉar pri tia afero, kiu ĉie estas la sama, jam raportis en tiu ĉi gazeto nia kunlaboranto de Koeln a. Rh.

Pri, Parseval mi devas laŭdante diri, ke ĝi estis la plej fidela motorbalono de la ekspozicio, ĉar ĝi entreprenis preskaŭ ĉiutage ĝis hodiaŭ ekskursojn en la ĉirkaŭaĵon de nia urbo.

Fine mi volas citi la aviadan semajnon de Frankfurto, kiu okazis de la oktobro ĝis la 10. De konataj flugistoj ĉeestis « barono de Caters (Belgujo) kaj Latham, Blériot kaj Rougier el Francujo. Kaj de komencantoj oni vidis « Eŭler » (Germanujo), kaj « Sido » & « Nervo ». Kiel reprezentanto de la italaj flugistoj provis flugi leŭtenanto « Calderara » per maŝino « Wright », sed bedaŭrinde sen rimarkinda sukceso. Dum la fama franca flugisto « Latham » per monoplano ne sukcesis pro neorda motoro, flugis liaj samlandanoj Blériot kaj Rougier kun granda ideala kaj ankaŭ mona sukceso.

Dimanĉon 10 oktobro oni montris daŭrajn flugojn, al kiuj partoprenis « Blériot » maŝino kaj « de Caters » per biplano Voisin. Ambaŭ havis grandan sukceson Blériot flugis 70 minutojn kaj « de Caters » gajnis la grandan premion per flugo de 80 minutoj.

La premion por la plej bona direktilo akiris « Blériot » per interesaj flugoj. En alto de 15 metroj oni markis per malgrandaj balonoj tri liniojn. Unue li superflugis la unuan linion kaj poste li subflugis la duan kaj fine li superflugis la trian linion kaj nome en interspaco de 200 metroj. « De Caters » faris la saman flugon ankoraŭ en interspaco de 150 metroj, sed kiam oni plimalgrandigis la interspacon je nur 100 metroj kaj la alton je nur 7 metroj, nur « Blériot », atingis la celon.

Tiu ĉi flugmaniero montras, ĉu la flugisto havas sufiĉan forton per sia direktilo aŭ ne. Entute oni devas diri, ke la ekspozicio havis sufiĉe bonan sukceson.

H. Fricke, (Vicdel. Frankfurt).

### Port-Aviation. Dek kvin aerveturtagoj

Jen gravega okazintaĵo. Al loko, jam mondfama, benita de la ĉefepiskopo, ĉiutagaj provoj altiras milojn da simpatiaj rigardantoj.

Antaŭan dimanĉon, ili estis pli ol 500.000; ĉar, krom 10.000 bicikletoj kaj ĉirkaŭ 8.000 aŭtomobiloj alportintaj amason da vizitantoj, oni devas kalkuli multegajn personojn venintajn piede aŭ aliveture. Cetere, la fervoja kompanio devis uzi artifikojn por trompi la atendantojn kaj pacigi 250.000 vojaĝantojn, kiuj, tro malfrue aŭ tute ne ricevinte lokon en la vagonaroj, bruadis tutan duonon da tago kaj reiris hejmen nokte, nenion vidinte. Malofte, malofte montriĝis tia scivolemo!

Multaj premioj estas difinitaj ĉu por rapideco, ĉu por longeco, ĉu ankaŭ por daŭredo. Ĝis nun, Paulhan, Gobron, Bregi kolektis belajn laŭrojn, sed Grafo de Lambert superis ĉiun; ĉar li ne sole konkursis, sed ankaŭ flugis pro plezuro; ekz., lundon 18an de oktbro, kiam, forfluginte el la provejo, li supreniris kaj tute malaperis en la aero. Timante malbonon, rapidege oni sendis post li aŭtomobilon, kaj jam oni kredis lin mortinta, kiam, post 48 minutoj, li reaperis en la sama loko kaj alteriĝis, ĉe mirego kaj aplaŭdoj de la ĉeestantoj. Intertempe, la parizanoj povis admiri lian maŝinon, kiu trairis parton de la ĉefurbo kaj ĉirkaŭiris Eiffelturon je proksimuma alteco da 500 metroj.

Du tagojn poste, rea flugado de la sama, sed kun pasaĝero.

Certe, ni baldaŭ konstatos aliajn venkojn, aliajn heroaĵojn; tamen, de nun la aero estas submetita.

La esperantistaro, same kiel la aerveturantaro, volu mediti la gravecon de tiu fakto, ĝiajn sekvojn, kaj nun ĉiu komprenu sian devon.

E. R. (Del. Parizo).

## IDEOJ & FAKTOJ

### Cesare Lombroso
#### Lia vivo; lia influo; lia verkaro

Mortis en Torino je la tagiĝo de mardo 19 oktobro tiu ĉi homo kies nomo transpasis la limojn de lia patrujo. Li naskiĝis en Verona en januaro de 1836, el patrino liberpensema kaj volterana. Li estis frumatura infano; je la aĝo de kvar jaroj li legadis la vivojn de Plutarko kaj rakontadis al la patrino kion li estis leginta, kaj post ne multe li deklamis la kantojn de Alighieri. En 1859 li ricevis la doktorateston de medicino en Padovo. Okupinte la oficon de militkuracisto, en 1862 li eniris kiel profesoro ĉe la universitato de Pavio kie li komencis la kolektadon de dokumentoj por sia granda verkaro pri la nova kriminala antropologia laboro kiun li daŭrigis dum la direktado de la frenezulejo de Pesaro. Poste li transloĝiĝis en la universitaton de Torino kie ĝis la morto li okupis la katedron de jura medicino. Intelekto vasta, originala, genia, li semis kaj rikoltis en multaj kaj diversaj kampoj de la psikiatrio aŭ medicino de l'animo. Liaj serĉoj pri la kretinismo, la genio, l'atavismo, la pelagro, malfermis novajn horizontojn al scienco. Li kolektis la fundamenton de siaj doktrinoj en la verko « La Krimulo », majstroverko kiu poste estis kompletigita per aliaj sennombraj libroj, broŝuroj kaj artikoloj, kiujn li ĉien dissemis.

La kuracarto lernis de li ke pelagro (malsano tre disvastigita en Italujo tra la mizeruloj de la kamparo) ne estas la simpla efiko de l'mizero kaj de la malsato kronika, sed dependas de mikroskopaj estaĵoj kiuj vivas en la ŝimita maizo. En la verko *Penso kaj meteoroj* rimarkinte horo post horon la ekscitojn aŭ krizajn-atakojn de l'frenezuloj kaj la barometrajn variadojn, li pruvis la rilatojn inter la du fenomenoj.

La plej gravaj verkoj estas tiuj, kiuj studas la interrilatojn inter la frenezulo kaj la krimuloj kaj inter la frenezeco kaj la genio.

Estas lia gloro, ke li suprenlevis la kriminalogion al rango de psikologia scienco, kaj tio per la studo de la morala karaktero de l'krimulo. Cesare Beccaria, uzis ankoraŭ la metodon konkludan kaj silogisman antaŭenirante per abstraktaj jesigoj, dum Cesare Lombroso enportis en la kampon de l' « krimoj kaj punoj » la eksperimentan metodon kaj la observadon.

Laŭ la verko « La Krimulo » la deveno de l'krimo kuŝas en la nenormalaĵoj (praavaj, degenerigaj aŭ patologiaj) de la organa kaj psika konsisto de l'krimulo, pro tio la fundamentoj de la puna justeco devis esti tute ŝanĝitaj, ĉar krimo estas nur formo, aŭ manifestiĝo de malsano, kaj oni ne devas puni sed resanigi, aŭ defendi la societon kontraŭ la malsano de l'krimo.

La tria temo de elserĉoj estis tiu pri *la naturo de l'geniulo*. Al la malnova ideo, laŭ kiu la fenomeno de l'genio estis la esprimo de la plej alta kaj sana forto de la intelekto, li kontraŭmetis la koncepton ke ĝia deveno estas patologia, dependas de troeco da sentemo, estas maniero de ekscitiĝo, krizo de deliro. La ideo ne estas nova sed li iris pli malproksimen: Ne malofte, li diris, la altegaj virtoj de l'agado, la kuraĝegoj de la penso, la briloj de l'arto havas por ĉeestanto la epilepsion: ne estas dubebla ke ĉi tiu donas forton por puŝi la rigardon super kaj preter la videblaj aĵoj, kuraĝigas la fandiĝon de la estanto, same kiel estas verajo akirita, ke la plej kleraj homoj portas en si la makulojn de la degeneriĝo. Tiel naskiĝis la teorio laŭ kiu la genio estas ega troeco de l'degeneriĝo.

Lia lasta libro estas *« Esploroj pri hipnotaj kaj spiritismaj fenomenoj »*. En la antaŭparolo de la verko li diras: « Ŝajnis al mi fatala, kroni mian vivon pasintan meze de la esploro de novaj idealoj, militi por ĉi tiu ideo la plej kontraŭbatalita kaj eble la plej mokita de la jarcento: kaj ŝajnis al mi devo esti ĝis la lasta de l'miaj tagoj jam kalkulitaj, kie pli certaj estas la baroj kaj pli flamigitaj la kontraŭuloj ». Meze de la laŭdoj kiuj leviĝas kiel horo kiam tombo malfermiĝas ĉiuj akordiĝas por diri la laŭdon de la mortinto kiu estis vera geniulo kaj nelacigebla entuziasma laboristo de l'scienca teritorio. Kun Henriko Ferri ni diros ke estis devo memorigi la bonfaradan povon de la nova scienco kreita de Lombroso, scienco kiu celas korekti, humanigi la teruran oficon de la puna justeco, kiu haltigis kaj haltigas tiom da krimoj sed kiu tiom da dolorojn kaŭzis kaj kaŭzas, tiom da eraroj faris kaj faras, tiom da krimoj mem plenumis kaj plenumas.

Al la potenco de scienca geniulo, kuniĝis do en Cesare Lombroso ankaŭ la potenco de bonfaranto de l'homaro.

La apologiistoj tamen ne diras nun kiuj estas la antaŭuloj de Lombroso, ne diras ke li estis ankaŭ en iuj okazoj senskrupula fabrikisto de libroj. Ekzemple li kompilis la poŝlibron pri grafologio, plagiatante verkon de iu franca sciencisto kiel estis pruvite antaŭ la juĝistoj mem.

Kelkaj anekdotoj de lia vivo pruvas ankaŭ la alian punkton de liaj teorioj, nome la kunesto de la genieco kaj de l'frenezeco aŭ frenezojdeco kiel li diris. Kaj sammaniere kiel li pasigadis en parado antaŭ li la famulojn de l'estinteco, la estontaj anatomiistoj de la homa penso aŭ psiko lin ekzamenos.

Jen kion rakontas Finot en la *Revue de Parizo*: « Kiam li ekveturis, lia edzino zorgis lin per patrina amemo, sed kiam li restis sola, li estis malhelpata de ĉiuj malgrandaj komplikoj aŭ embarasoj de la vojaĝo. Kiam li decidis partopreni en la kuracista kongreso de Moskvo, li foriris neatendite, metinte mem sian tolaĵon en valizeton tute malmultekostan akiritan antaŭ malmultaj horoj. En Moskvo la gubernestro, avertita de l'alveno de Lombroso, sendis por lin renkonti duonroton da kozakoj por lin poste akompani al la Kremleno kie oni rezervis por li ĉambraron. Sed Lombroso troviĝis en granda embaraso. La valizeto facilrompebla, kaj malbone fabrikita, ne superis sen danĝero la ekpalpojn dum la longa vojaĝo kaj elfalis meze de la ŝtuparo de l'palaco, kaj oni povis vidi la ĉemizojn, la vestaĵojn de l'glora kriminalisto, dissemitajn en granda konfuzo sur la pavimo. Lombroso, kiu ĉiam *imagis sin persekutita*, restis konvinkita ke lia pakaĵo estis traserĉita de la rusa polico pri kiu oni estis al li rakontinta mil impresigajn anedoktojn. » Multaj aliaj faktoj pruvas lian malatenton kaj ne plenan adapton al la sociala vivo.

A. Tellini (Del. Bologna).

## La Faktoj

*28 sept.* Versailles. — Solenaj funebraj honoroj al la mortintoj de l'aerŝipo « République ».

Maroko. — Hispanoj venkas la Maŭrojn kaj almilitas monton Gurugu.

Ateno. — Grandioza popolkunveno en kiu parolas la reĝo mem.

Budapeŝto. — La deputataro rekomencas la laborojn.

30. Nov-Yorko. — Alveturo de Peary.

Berlino. — Orville Wright per aeroplano supreniras ĝis 300 metroj de alteco.

Zuriho. — Inaŭguro de internacia kunsido pri aerveturado.

Berlino. — Germana konprincino naskigas princido.

*2 oktobro.* Parizo. — Granda historia sekvantaro por memorigi la kvindekan datrevenon de « La legendo de l'jarcentoj » de Viktoro Hugo.

Zuriho. — Inaŭguro de internacia konkurso de aerveturado. Forveturas 24 balonoj.

Ateno. — Inaŭguro de nova parlamenta kunsido.

3. Firenzo. — Inaŭguro de XII Kongreso de italaj inĝenieroj kaj arĥitekturistoj.

Ĝenovo. — Inaŭguro de VIIIe nacia kongreso de komercistoj, industriistoj kaj magazenmastroj.

Perni (Italujo). — Inaŭguro de Kongreso de italaj eldonistoj kaj librovendistoj.

4. Romo. — Inaŭguro de Kongreso de italaj eldonistoj kaj librovendistoj.

Berno. — Inaŭguro de l'granda monumento de l'Internacia Poŝta Unio.

5. Tirnovo. — Solena rememorigo de la Bulgara sendependo.

6. Nov-Yorko. — Inaŭguro de monumento al Johano de Varazzano esplorinto de Hudsona golfo.

Varsovio. — Balono « Ameriko » malsupreniras post 35 horoj de veturado kaj trafas la honoran kopolon de Gordon Bennet.

8. Venezio. — Inaŭguro de Kongreso de fiŝkaptado de Adriatika maro.

Bruselo. — Inaŭguro de internacia kongreso de paco.

Parizo. — Komenco de la aviada semajno.

10. Londono. — Kolonelo Cody ne sukcesas plenumi la aeroplanan veturadon de Londono al Mancester.

11. Barcelono. — Francisko Ferrer, fondinto de l'Moderna lernejo estas kondamnita al morto, kaj kondukita al fortikaĵo de Mont-ĝuik.

12. Berno. — Mortas Karl Hilty, nacia deputato, verkisto, fama juristo.

13. Barcelono. — Francisko Ferrer estas pafmortigita en fortikaĵo de Mont-ĝuik.

Parizo. — Gravaj manifestacioj por protesti kontraŭ la pafmortigo de Ferrer; unu mortinto.

14-15. Gravaj manifestacioj por Ferrer en Francujo, Belgujo, Italujo. En Romo oni proklamas ĝeneralan strikon por 36 horoj.

15. Madrido. — Malfermo de hispana deputataro kie okasas ekscitaj disputoj.

Port-Aviation apud Parizo. — Falado de aerveturanto Richet kun lia aeroplano.

Konstantinoplo. — Mahometo Va donas sian unuan akceptadon en palaco Dolmas-Bacht.

Pizo. — Inaŭguro de Kongreso de sankta muziko.

17. S. Paulo. — Marŝalo Rodrigues la Fonseco, ministro de Brazilujo, eksiĝas.

19. Torino. — Mortas antropologo Cesare Lombroso.

Nikaragua. — Generalo Estrada prenas sur sin la provizoran prezidantecon de l'respubliko.

21. Madrido. — Eksiĝo de ministraro Maura; Moret starigas liberalan ministraron.

Belgrado. — Eksiĝo de Ministraro Novakovic.

Parizo. — Internacia Kongreso kontraŭ la fuŝigo de la mutraĵoj.

Parizo. — Inaŭguro de internacia kongreso por la protektado de l'pejraĝo.

22. Kopenago. — Ministraro, prezidata de Holstein, eksiĝas.

Simla (Indujo). — Stacidomo kaj apudaj konstruaĵoj estas detruitaj de tertremo; 25 mortintoj.

Parizo. — Mortas eksĉefkomandata, generalo Hagron.

23. Racconigi (Piemonto). — Alveturo de la Caro Nikolo dua.

Antivari (Montenegro). — Inaŭguro de la haveno.

A. Tellini.

## NIAJ KONKURSOJ

## La Situacio de la Komerco & Industrio en Usono

Ni komencas ĉi-sube de la publikigon de la interesa raporto de S-ro W.-E. Baff, Subdel. de U. E. A. en Worcester (Usono), kiu ricevis premion ĉe la konkurso organizita de U. E. A. pri la plej bona raporto pri Komerco et Industrio.

### La Komerco kaj industrio estas precipe internlandaj

Estas de la homoj konata fakto, ke la « Komerco sekvas la standardon ». Se la standardo de la nacio flugas sur ĉiu maro, en ĉiu klimato, tiam oni konsideras ĉi tion kiel esencan pruvon pri la prospereco de la nacio. Sed tio ne povas esti hodiaŭ aplikata al Usono. Dum aliaj nacioj klopodis pliperfektigi sian ŝipkonstruon kaj la kondiĉojn de la eksportado, laŭ la moderna postuloj; dum ili ornamis la marojn de fremdaj landoj per siaj propraj ŝipoj, sur kiuj troviĝas oficiroj kaj maristaro, ŝuldantaj la fidelecon al unu sama standardo, Usono elmontris nur malgrandan prizorgadon por la disvastigo de la maraferoj kaj de la ŝipkonstruado. Tamen, la prospereco de la nacio ne mankas. La disvolvo de la komerco kaj industrio estas entreprenata kun mirinda energio kaj sukceso, sed precipe internlandaj restas kiu komerco kaj industrio. Tie ĉi regas supera progresiga spirito de la komerca konkurenco kaj aktiveco, kaj en ĉiuj fakoj ĝi senĉese instigas al plibonigado.

La lando estas unu el la plej riĉaj en la mondo, ankaŭ je grandaj marbordoj, havenoj, akvofaloj, komercuzeblaj riveroj, markonstruoj kaj fervojoj por la konstanta plibonigado de la naturaj fortoj. Ĝi posedas tiun favoran kondiĉon, ke ĝi sidas sub klimato, en kiu la regula vizitado de la sezonoj ebligas aktivan laboron en ĉiuj sferoj. Ĉi tiu stat granda kampo por la plenkreskigo de ĉiu industrio. Novaj metodoj, novaj ideoj kaj elpensaĵoj, novaj rimedoj por la plimalkarigo de la prezoj kaj elspezoj ĉiutage priokupas la komercistojn.

Tuj post la industria paniko de 1908, la kondiĉo de la komerco estis iom malprospera, sed pli malpli frue, per la malrapida kaj certa restarigo inter la komercistaro de la konfido kaj energio revenos la prospereco inter la popolo.

La ĝenerala kondiĉo de la terkulturistoj — terkulturado estas la unua industrio — estas kontentiga. La plej granda laboro de la registaro hodiaŭ konsistas en la penado plugadi la dezertojn de la vasta ebenaĵo en la mezo de la lando por ke ĝi fariĝu kulturebla. Tiu laboro progresas, kvankam restas ankoraŭ multe por fari.

El industria vidpunkto, grava intereso montriĝas en Usono por aplikado de la akvoforto. Plej multaj fabrikejoj en la lokoj, kie estas trovata tiu akvoforto. Ĉar Usono estas tre riĉa je akvofaloj oni povas esti certa, ke la estonteco de la industrio estas tute favora dankaŭ tiu malkara forto de la naturo — la akvo. La registaro priokupiĝas nun je tio, ke tiu forto ne estu uzata por persona intereso, sed por ĝenerala bono.

### Fervojoj, akvovojoj, aervojoj

La kondiĉo de la fervojoj en la lando, la dua grandega industrio por la diverseco, riĉeco kaj multeco de la aferoj, ankaŭ estas tute kontentiga. En Usono troviĝas sennombraj linioj de fervojoj. La tramoj, surteraj kaj subteraj fervojoj, elektraj vagonaroj atingas nekalkuleblan longecon. En la okcidenta parto de la lando, la plibonigado de la fervojaj daŭras; oni ĉiel penas ilin adapti al la plej nova bezonoj de la komercaj aferoj. La fervojoj donas al la industrio de la lando ĝian plenkreskan aktivecon. Ili trapasas ĉiun urbon kaj vilaĝon, kie estas trovata iom da komerco. La riveroj ankaŭ kunhelpas la utilan transportadon de la komercaĵoj. Sen la fervojoj la granda komerco de Usono ne povis prosperi. Tre multaj estas la diversaj kompanioj de fervojoj, sed iliaj tarifoj estas fiksitaj de la registaro per nacia komisio; cetere la kompanioj, antaŭe sendependaj, tendencas nun kontrakti unu kun la alia, tiel ke la ŝtataj registaroj estas devigataj kontroli ilin. La danĝero de tiuj kontrakte ligitaj kompanioj por la komercistoj estas publike sentataj, kiel leĝaj rimedoj por laŭble forigi la malbonaĵojn de la troa potenco de la kompanioj estas nun studataj. La duagradaj transportaj kompanioj ankaŭ ĝuas prosperecon. La transportado de la eksportaĵoj ĝis la havenoj estas senprokraste plenumata.

Granda entrepreno, kies plenumo postulos ankoraŭ kelkajn jarojn estas la kanalo de Panama, kiu prezentas la plej gravan signifon ne nur por la tuta lando, sed ankaŭ por Europo kaj ceteraj partoj de Ameriko. Ĝi malfermos la pordon de la komerco ĉirkaŭ Suda Ameriko kaj en la Pacifika Oceano. Ĉis nun la Pacifikaj Sud-Amerikaj landoj ne havis grandan influan en la komercaj interrilatoj, sed ilian energian certe vekos la rezultatoj de la malfermo de la Panama kanalo kaj instigos ilin al komerca aktiveco. Grandaj estas la elspezoj de tiu laborego, sed certe ili estos kompensataj de la konstanta utileco, kiu rezultos de ĝi.

Ne nur intermara, sed ĉiuj kanaloj liveras grandajn profitojn al la komercistoj, tial ke la negocaĵoj povas esti transportataj sur akvo en pli malkaraj kondiĉoj, ol per fervojo, memkompreneble se ili ne urĝas. Dank al la movemeco de la tarifoj kaj pro la grandeco de la lando, ne malofte okazos, ke dum vojaĝas komercaĵoj, la tarifoj estas ĉe la alveno pli altaj ol ĉe la foriro; aliflanke, tre ofte, negocaĵoj, liverataj al la fervojoj, devas atendi kelkajn tagojn ĝis ili plenigos multajn vagonojn, ĉar pro la longaj vojaĝoj oni hezitas uzi mallongajn vagonarojn. Tiujn maloportunaĵojn ne prezentas la kanala vojo. Oni tial ne surprizos ekscii, ke multaj komercistoj penas por la konstruo de serioj de grandaj kanaloj tra la lando.

La intereso de la komercistaro pri la penadoj de la aerveturistoj estas vigla en Usono. Kvankam multaj estas ankoraŭ skeptikaj pri la sukceso de la nova transportilo kaj ĝia komerca valoro, fondiĝis en Nov-Yorko, antaŭ nelonge societo kun kapitalo da 2.000.000 $ por la fabrikado de flugmaŝinoj, disdono de premioj por plibonigo de la aviadiloj, k. t. p. Oni povas kompreni kian utilon alportos al la loĝantoj de Nov-Jorko la flugmaŝino kiel rimedo por pli facila transportado de komercaĵoj, speciale ĉirkaŭ la marhavenaj provizejoj. En unu grandega strato de Nov-Jorko, kiu kuras paralele kun la marhaveno kaj sur kiu troviĝas centoj da enŝipiĝejoj, oni preskaŭ ne povas uzi vagonojn por la transportado de la produktaĵoj, pro la multegeco de la ĉeval- kaj maŝinveturiloj, kiuj premas unu la alian. Se la aerveturado povas esti sukcese uzata, oni konstruos turajn provizejojn, al kiuj per levilo oni altigos la komercaĵojn, kiuj, tiuj estas enmetotaj en flugmaŝinoj ĝis la loko de la alveno.

### Monopolemo: trustoj, kooperativoj kaj sindikatoj.

Nuntempe, en la mondo, estas videbla la inklino de la komercistaro al organizo kaj monopolo. Malnova kaj malfacila estas en Usono la problemo pri la « trustoj » aŭ grandegaj korporacioj unuigitaj, havantaj unu centran estraron kaj monopoligantaj la produktaĵojn de sama fako. Usono estas la sola lando, en kiu tiu fortegaj industriaj kunligoj povas prosperi, pro la sistemo de la ŝtataj registaroj. Se nur sola forta nacia registaro posedus la altan potencon, anstataŭ multaj ŝtatoj, la malbona efiko de la trustoj povis esti treege malpligrandigata. La rajto leĝofari pri tiuj kompanioj apartenas al la ŝtatoj, ne al la federala konstitucio. Kelkaj ŝtatoj fariĝis tre riĉaj pro la grandaj sumoj ricevitaj interŝanĝe de la permeso formi truston, kiu tial povas ekzisti sen kontrolo. La Kongreso povas tion malhelpi. La solvo de la problemo estus, ke oni publike permesu la trustojn, sed per leĝoj protektu la publikon kontraŭ la trograndigo de la prezoj, kiu rezultas de la monopoleco de l'trustoj. Oni scias, ke tiuj ĉi trustoj, kiel la ŝtala trusto, k. a. ekzistas en la diversaj ŝtatoj. Ili konsistas, en multaj okazoj, el multaj sendependaj korporacioj unuigitaj sub sola estraro, kiuj komercadas en ĉiuj ŝtatoj, kontrolas la prezojn de la fabrikado kaj tre ofte la produktaĵojn vendas pli malkare al fremduloj ol al Usonanoj. La estonteco de la industrio en Usono montros, ĉu la trustoj fariĝas tre utilaj faktoroj por la plej metoda kaj malkara fabrikado, sed la rajto altigi la prezojn — ĉefa kaŭzo de la nuna kontraŭtrusta movado estos depenata el ili kaj donata al la registaro. Tiel la deziro de la komercistoj organizi fortajn industriajn societojn ricevos grandan antaŭenpuŝon kaj la rajtoj de la aĉe-

---

FELIETONO DE « ESPERANTO » 16

# RAKONTO
PRI
# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### XI. Oni veturigas ilin

Li sovaĝe, el sub malordigitaj haroj ekrigardis ĉiujn per unu rapidega, nekonfidema rigardo. Sed ĉiuj rigardis lin silente kaj serioze, eĉ kun videbla kompato. Li ridaĉis kaj rapide kelkfoje frapis la genuon de Verner.

— Tiel-do, mošto! Kiel oni kantas: « Ne bruu vi, patrino, verda arbarĉjo ».

— Kial vi nomas min « mošto », se ni ĉiuj...

— Ĝuste, — konsentis Ciganok plezure. Kia mošto vi estas, se vi pendos flanke apud mi! Jen kiu estas mošto, — elstarigis li la fingron al silenta ĝendarmo. — Eh, kaj tiu ĉi via jen estas ne pli, ol ni, — montris li per okulo al Vasilij. — Mošto, eh moŝto, ĉu vi timas, ah?

— Nenio, — respondis malfacile moviĝante la lango.

— Nu, kia nenio jen! Do vi ne hontu, estas nenio por honti nune. Ĝi estas nur hundo, kiu svingas la voston kaj dentaĉas, kiam oni kondukas ĝin por pendigi, vi do estas ja homo. Kaj tiu ĉi ĉevalo kiu estas? Tiu ne estas el via?

Li rapide saltigis la okulojn kaj senĉese sible ekkraĉis la alfluantan dolĉan salivon. Janson, kiu alpremiĝis en angulo, kiel senmova buleto, iom ekflankis la orelumojn de sia senharaj pelta ĉapo, sed nenion respondis. Anstataŭ li respondis Verner.

— Li buĉis la mastron.

— Dio! — ekmiris Ciganok — kaj kiel oni permesas al tiaj buĉi homojn!

Jam delonge Ciganok strabe rigardis al Musja; kaj nun turniĝinte rapide, arogante kaj rekte rigardaĉis ŝin.

— Barišnja ('), ah barišnja! Kio do estas kun vi! Viaj vangetoj estas rozkoloraj kaj vi ridas. Rigardu vi, ŝi efektive ridas — kaptis li la genuon de Verner por kroĉaj, kvazaŭfiraj fingroj. — Rigardu, rigardu!

Ruĝiginte kun iom konfuza rideto, Musja ankaŭ rekte rigardis lian akrajn, iom frenezajn, sovaĝe kaj malagrable demandantajn okulojn.

Ĉiuj silentis.

Orde kaj ageme frapadis la radoj, la malgrandaj vagonoj saltadis sur la mallarĝaj reloj kaj peneme kuradis. Jen ĉe la vojrondiĝo aŭ ĉe la transveturejo la lokomotivo maldense kaj peneme eksiblis — la maŝinisto timis iun dispremi. Kaj ŝajnis tute sensence, kiam oni pensis, ke por pendigi homojn oni agas kun tiom multe da kutima homa akurateco, penemo, agemeco, ke la plej sensencan en la mondo aferon oni faras kun tia simpla kaj prudenta mieno. La vagonoj kuradis, en ili sidis homoj, kiel oni sidas ĉiam, kaj veturis, kiel oni kutime veturas; kaj poste estos, kiel ĉiam — tiel — « la vagonaro haltas kvin minutojn ».

Kaj nun venos la morto — la eterneco — la granda mistero.

### XII. Oni alveturigis ilin

Peneme kuradis la vagonetoj.

Kelkajn jarojn seninterrompe vivis Sergej Golovin kun siaj parencoj en kamparo apud tiu sama relvojo, li ofte tage kaj nokte veturis kaj bone konis ĝin. Kaj se oni fermus la okulojn, oni povus pensi, ke ankaŭ nun li reveturas hejmen — malfruis en urbo ĉe konatoj kaj reveturas per lasta vagonaro.

— Nun baldaŭ, — diris li, malfermite la okulojn kaj rigardinte tra la malluman, kadrigitan, nunan fenestron.

Neniu ekmoviĝis, neniu respondis, nur Ciganok rapide, kelkfoje seninterrompe elkraĉis dolĉan salivon, kaj kurigis la okulojn tra la vagonoj, kvazaŭ palpante per ili la fenestrojn, la pordojn, la soldatojn.

— Estas malvarme, — diris Vasilij Kaŝirin per rigidaj kvazaŭ vere frostiĝintaj lipoj. Kaj tiuj vortoj sonis strange.

Tanja Kovalĉuk senkvietiĝis.

— Jen estas tuko, envolvu la kolon. La tuko estas tre varmiga.

— La kolon? — neatendite demandis Sergej kaj ektimiĝis pro la demando. Sed ĉar ĉiuj pensis la samon, tial neniu aŭdis lin, — kvazaŭ neniu diris ion aŭ ĉiuj kune diris la saman vorton.

— Nenio, Vaĉjo, envolvu, envolvu, estos varme, — konsilis Verner. Poste li turnis sin al Janson kaj mole demandis dolĉe:

— Karulo, kaj vi ne malvarmas, ah?

— Verner, eble li deziras fumi. Kamarado, eble, vi deziras fumi? — demandis Musja. — Ni havas.

— Mi deziras.

— Donu al li cigaredon, Serĉjo, — ekĝojis Verner. Sed Sergej jam liveris cigaredon. Kaj ĉiuj scivole rigardadis, kiel la fingroj de Janson prenis la cigaredon, kiel brulis la alumeto kaj kiel apperis blua fumeto el la buŝo de Janson.

— Nu, dankon — diris Janson. — Bone.

— Kiel strange! — diris Sergej.

— Kio estas stranga? — turnis sin Verner.

— Kio estas stranga?

— Tio ĉi: cigaredo.

Li tenis cigaredon, ordinaran cigaredon, per ordinaraj vivantaj fingroj kaj pala rigardis ĝin kun miro, eĉ kvazaŭ kun teruro. Kaj ĉiuj rigardegis la maldikan tubeton, el kies fino fluadis, kiel vualeto, bluaj fumeroj, kaj movadis per la spiro, kaj la cindro nigriĝis, formortata flanken per la spirado, kaj malheliĝis la aperanta cindro. Estingiĝis.

— Estingiĝis, — diris Tanja.

— Jes, estingiĝis.

— Nu, kaj al diablo! — diris Verner nubviziĝe kaj malkviete rigardante al Janson, kies mano kun cigaredo, pendis kiel malviva. Subite Ciganok turniĝis rapide, proksime, vizaĝo al vizaĝo, kliniĝis al Verner kaj, kiel ĉevalo, rigardante el la okulblankaĵoj, ekmurmuris:

— Mošto, ah mošto. Ĉu ni ekscitos ĝistion... tion... ah? Ekprovi?

— Nebezone, — ankaŭ murmure respondis Verner. — Eltrinku ĝis la fundo.

— Kaj por kio? Do en batalo ĝi ja estos pli gaja, ĉu ne?

Mi lin, li min, kaj oni ne rimarkos, kiel ĝi estos finita.

Kvazaŭ oni tute ne mortis.

— Ne, nebezone, diris Verner kaj sin turnis al Janson: — Kial vi ne fumas, karulo?

Subite la velka vizaĝo de Janson mizere kunpremiĝis: kvazaŭ iu subite ektiris la fadenon, per kiu ekmoviĝas la sulkoj, kaj ili ĉiuj kuntiriĝis. Kaj Janson ekploretis, kiel en dormado, sen larmoj per seka, preskaŭ ŝajniga voĉo:

— Mi ne deziras fumi. Ah-ha, ah-ha, ah-ha. Oni ne pendigu min. Ah-ha, ah-ha, ah-ha.

Oni ekmoviĝis ĉirkaŭ li. Tanja Kovalĉuk, plorante multe, glatis lian brakon kaj ordigadis la orelkovrilojn de lia senharaĵa ĉapo:

— Parenculeto vi mia, karuleto, ne ploru do vi, mia karuleto! Mizeruleto do vi mia!

Musja rigardis flanken. Ciganok kaptis ŝian rigardon kaj ridetaĉis.

— Strangulo estas lia mošto! Li trinkis teon, la ventraĉo estas malvarma, — diris li kun malmola rido. Sed lia vizaĝo mem fariĝis blue-nigra, kaj elmontriĝis la grandaj flavaj dentoj tremis.

Subite la vagonetoj skuiĝis kaj rimarkeble malrapidiĝis. Ĉiuj, krom Janson kaj Kaŝirin, levis sin kaj denove rapide sidiĝis, kvazaŭ tute same rapide ree sidiĝis.

— Stacidomo! diris Sergej.

Kvazaŭ oni subite elpumpis la tutan aeron el vagono, tiel fariĝis malfacile spiradi. La ŝvelinta koro dispremadis la bruston, metiĝis meze de la gorĝo, frenezi tremadis, kriadis en terura per ĝia sangplena voĉo. Kaj la okuloj rigardis malsupren al la skuiĝantan plankon, kaj la oreloj aŭskultadis, kiel ĉiam rigardis kaj malpli rapide turniĝis la radoj — glitadis — ree turniĝis — kaj fine staris.

La vagonaro haltis.

Jen aperis sorĝo. Ĝi ne estis terura, sed fantomaj, senkonscia kaj iel fremda: la sanganto mem restis flanke, kaj nur lia fantomo senkorpe moviĝis, parolis senvoĉe, paŝadis senbrue, kaj ĉio estis farata senteme. La fantomo elvenis el vagono, ordiĝis en vicojn, flaris la tre freŝan aerpafan, arbaran, printempan aeron. Janson songe malforte kaj tute kontraŭstaris kaj oni silente tiris lin el vagono.

Ili malsupreniris la ŝtupetojn.

— Ĉu piedirante? — demandis iu, preskaŭ gaje.

— Ĝi estas ne malproksime, — respondis iu alia, same gaje.

Poste oni iradis en granda, nigra, silenta amaso meze de l'arbaro sur nesufiĉe alpremita, malseka kaj mola printempa vojo. El arbaro, de neĝo premfluis freŝa, forta aero; la piedoj glitis, iafoje enŝoviĝis en la neĝon, tiam la manoj senvole apogis sin je kamarado; kaj laŭte spirante, malfacile sur la netuŝita neĝo ambaŭflanke moviĝis la eskortistoj. Iu diris per kolera voĉo:

— Oni estas puriginta la vojon. Jen ruliĝu nun en la neĝo.

Iu kulpe sin pravigis:

— Oni purigis, via moŝto. Sed la degelo, oni povas nenion fari.

La konscio revenadis, sed ne plene, parte, per strangaj pecetoj. Jen la penso afere jesis:

— Vere, oni ne povis purigi la vojon.

Jen denove ĉio estingiĝis kaj restis sola la flarsento: neelportebla akra odoro de aero, de arbaro, de neĝo degelanta; jen ĉio fariĝis neordinare klara: la arbaro, la nokto, la vojo kaj tio, ke baldaŭ, tie, ke tuj, poste kelkaj minutoj oni pendigos ilin. Aŭdiĝis interrompe murmure mallaŭtigita interparolo.

— Baldaŭ estas la kvara:

— Mi diris: ni tro frue ekiras.

— Tagiĝas je la kvina.

— Nu jes, je la kvina; kaj jen tial oni devis...

Oni haltis en mallumo, sur kampeto. Iom distance, post maldensaj kiel vualo arboj, silente moviĝis du lanternetoj.

— Mi perdis galoŝon, — diris Sergej Golovin.

— Nu? — ne komprenis Verner.

— Mi perdis galoŝon. Estas malvarme.

— Kaj Vasilij kie estas?

— Mi ne scias. Jen li staras.

Vasilij staris malluma kaj senmova.

— Kaj kie estas Musja?

— Mi estas ĉi tie. Ĉu ĝi estas vi, Verner?

Oni komencis ĉirkaŭrigardi, evitante rigardi tion flankon, kie silente kaj terure — kompreneble — daŭris moviĝado de la lanternetoj. Maldekstre la nuda arbaro kvazaŭ maldensiĝis, io granda, blanka, glata travidiĝis. Kaj el tie blovis malseka vento.

— La maro, — diris Sergej Golovin, enflarante kaj kaptante per la buŝo la aeron. — Tie estas la maro.

Musja laŭte resonis.

— Mian amon, larĝan, kiel maro!

— Kion vi, Musja?

— Mian amon, larĝan, kiel maro, ne povas enpreni la bordoj de l'vivo.

— Mian amon larĝan, kiel maro, — ripetis penseme Sergej, obeante la sonon de l'voĉo kaj la vortojn.

— Mian amon larĝan, kiel maro... — ripetis Verner kaj gaje subite ekmiris: — Musja! kiel juna vi ankoraŭ estas!

Subite proksime, ĉe la orelo mem de Verner aŭdiĝis varmega, sufoka murmuro de Ciganok:

— Mošto, ah Mošto! L'arbaro do, ah? Dio, do ĝi estas! Kaj tie, kie estas la lanternetoj, estas la pendigilo, ĉu ne? Kio do ĝi estas, ah? Verner ekrigardis: Ciganok suferis pro antaŭmorta korpremeco.

— Oni adiaŭdiru... diris Tanja Kovalĉuk.

— Atendu vi, oni logos ankoraŭ la verdikton, — respondis Verner. — Kaj kie estas Janson?

Janson kuŝis sur la neĝo kaj apud li oni klopodis pri io. Subite akre ekodoris amoniako.

— Nu kio estas tie, doktoro? Ĉu vi baldaŭ? — iu demandis senpacience.

— Estas nenio, simpla sveno. Frotu vi lian orelojn per neĝo. Li jam rekonsciiĝas. Oni povas legi.

Trad. Dro J. Ostrovsky.

*(Fino en la proksima numero.)*

(') Rusa vorto — filino de mošto.

tantoj estos leĝe protektata. Tia estos la rezultato de la procesoj, kiujn nun faras kortumoj kontraŭ diversaj trustoj.

La plej sukcesaj el la multaj famaj « reĝoj » de la komerco en Usono komencis la vivon kiel malriĉuloj kaj sin mem levis per daŭra laboro kaj energio. La industriaj praktikaj lernejoj por la instruado de la junuloj hodiaŭ estas influataj de la trusta tendenco. La ambicio de la junuloj ne plu montriĝas per la deziro starigi propran sendependan komercon por ili mem; ilia deziro estas nun servadi grandajn trustojn sub salajroj komence modestaj, poste fariĝi influaj estroj en la korporacioj mem. Oni edukas la junulojn pri la necesegeco de la unuiĝo, konkretigata per la trusto, por superregi la pli malgrandajn konkurencojn. Oni montras al ili la truston kiel tipon de prospereco kaj forteco.

La Usonaj komercistoj estas bonaj organizantoj. Ili konas ĉion pri la kooperativa sistemo kaj ĝin praktikas: firmo havanta multajn filiojn en la diversaj urboj dividas ĉiumonate la profitojn inter la regula helpantaro de la firmo, aldone al ilia salajro. Tio kunigas la interesojn de la posedanto kaj de la laborantoj.

Cetere, la potenco de la organizado estas aplikata ne nur por la kapitalo, sed ankaŭ por la laboro. Formiĝis grandegaj laboristaj sindikatoj, kiujn oni konsideras same kiel la trustoj, ĉar, fakte ili havas saman karakteron.

**Usono bezonas divastigi sian eksportadon**

Koncerne la eksportaĵoj oni povus multe paroli, sed nur plej esencaj faktoj povas esti tie pritraktatoj. Usono povas hodiaŭ multe fabrikadi por eksterlando, ĉar por la enlando ĉiuj necesaĵoj jam estas tie fabrikataj. La komercistaro devas trovi fremdlandan vendejon. La fabrikaĵoj por uzado en Usono mem povas facile esti produktaĵoj en unu kvaronjaro. Granda parto de la produktaĵoj do devos eksportiĝi. La deziro gajni industrian influon en fremdaj landoj estas forte sentata inter la aktivaj Usonanoj kaj unu kaŭzo por la konstruo de la Panama kanalo estas en la neceseco malfermi novajn kampojn por la komerco. Ĉar la kosto de la laboro en Eŭropo estas pli malkara ol en Usono multaj Usonaj firmoj formis nun fabrikojn fremdlande, kie ili dungas je pli favoraj kondiĉoj laboristojn, kiujn instruas Usonano. Tiuj komercistoj esperas, ke ili tiel sukcesos fabriki pli malkare ol en Usono kaj pli facile povos forvendi, ĉar ili jam estos en la konsumanta lando. Dungantoj kaj dungontoj povas multe profiti kaj lerni el tiu sistemo: ili ambaŭ trovos pligrandan vendejon kaj laborejon. Esperanto povas havi gravan signifon el tiu vidpunkto. Estas interese noti, ke antaŭ kelkaj jaroj, kiam mi estis en komercaj aferoj, estis adresita al mi letero, kiu pritraktis la rimedojn faciligi la rilatojn inter diverslandaj komercistoj. Ĝi estis nova societo Usono, sidanta en Londono, kaj celanta inter grandaj firmoj de Usono la ekziston de forta orgnnizo, kiu donus al siaj membroj jenajn profitojn: sendo de listo de la plej bankonataj firmoj en Eŭropo; disdono de reklamiloj inter la komercaj firmoj; ĝenerale novaj servoj por diskonigi la Usonajn entreprenojn. Kiam la letero min atingis, U. E. A. ne estis fondita kaj mi ne supozis, ke Esperanto povus por la tuta mondo fari tiujn servojn je pli malkaraj kondiĉoj.

W.-E. Baff (Subdel. U. E. A.).

*(Daŭrigota.)*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA IMFORMILO*

## ADMINISTRA FAKO

**Gravaj Avizoj:**

La detala rezultato de la voĉdonado de la Del. pri la kotizaĵoj kaj ŝanĝoj en la regularo aperos en la proksima No. Tamen, ni laŭ la ricevitaj voĉdoniloj, jam povas anonci, ke la proponoj pri la kotizaĵoj estis akceptitaj, t. e. la kotizaĵo de la membroj restas fiksita je 36 Sd.; la kotizaĵo de la Esperantiaj entreprenoj je 5 $, escepte tiuj, kiuj havas Esperantistan karakteron (2 $).

Do, de nun, ĉiuj membroj estas petataj pagi sian kotizaĵon por 1910. Plie, ĉiuj personoj, kiuj aliĝos de la 1a de Novembro, estos membroj de U. E. A. ĝis 31 Decembro 1910, t. e. por la fino de 1909 kaj 1910.

Ĉiuj ĝisnunaj membroj, kiuj antaŭ la 1 Decembro 1909, ne sendis sian skriban eksiĝon al la regiona Delegito aŭ Subdelegito, estos konsiderataj kiel membroj por 1910 kaj sekve estas petataj repagi kiel eble plej baldaŭ sian kotizaĵon al sia Del. aŭ Subdel. Ĉiuj Esperantianoj ricevos dum Novembro el sia Del. aŭ Subdel. cirkuleron, pri repago de la kotizaĵo kaj voĉdonilon por la baloto de la Del. kaj Vicdel., se necese. Repaginte sian kotizaĵon, ĉiu membro ricevos markon kun la dato 1910 gluotan sur lia membrokarto.

**Al la Delegitoj kaj Subdelegitoj:**

La 4a *Oficiala Bulteno* tuj aperonta enhavas ĉiujn detalajn instrukciojn pri la repagado de la kotizaĵoj kaj balotado de la Del. Ni tre petas niajn Del., ke ili bonvolu tre precize alkonformiĝi al la diritaj instrukcioj por kiel eble plej faciligi nian laboron. Samtempe kun la Oficiala Bulteno la Del. kaj Subdel. ricevos provizon da aliĝiloj, mendiloj, membrokartoj kaj dokumentoj necesaj por sia agado dum 1910.

**Novaj Subdelegitoj:**

*Chelm* (Rusujo, Lublina gub). — Sro J. Günther,

*Galiĉ* (Rusujo, Jar. gub). — Sro Blagonravov (Sudebnij Sĵedovatelj).

*Gut Benz* (German., Lübeck). — Sro Max Benz.

*Llanes* (Hispan.). — Sro N. Madiedo.

*High Wycombe* (Anglujo). — Sro A. C. Boorman (Rectory Ave).

*Madrid* (Hispan.). — Sro Larranaga Mendia (Lista de Correós).

*Maitland* (Aŭstralio). — Sro Edzar Prike.

*Mandalay* (Hindujo, Burma). — Sro Dro F. E. Place.

*Noya* (Hispanujo). — Sro L. Maraurij.

*Ottawa* (Kanado). — Sro D. Edwin La Berec (The Acdus Mineral).

*Ryen* (Nederlando). — Sro V. Lutkle Izu.

*Strœmstad* (Svejudo). — Sro A. Olsson (Anneræd).

*S. Marie Maddalena* (Ital. Bologna), — Sro F. Verri, pastro.

*Tunis* (Afriko). — Sro A. Rochetin, 4, rue Sidi-el-Bidi.

*Venev* (Rusujo, Tulskaja gub). — Dro A. Ŝestakov.

Entute 723 lokoj kun 87 Del. kaj 678 Subdel.

ŜANĜOJ: *Arboleda:* La Subdel. estas nun Sro Jorge S. Hita. — *Baracalda:* Sro V. Echarandio anstataŭas Sron Aranaga. — *Falun:* Sro Thunstrœm (Sloĝatan 15) estas nun Del. kaj Sro Schwartz (Trotsgatan 4), Vicdel. — *Gijon:* Sro F. F. Braga estas Subdel. en anstataŭ Sro Maraurij, kiu fariĝas Subdel. en Noya. — *New-York:* La Del., Sro King, loĝas 167 Clinton Ave. — *Novy-Sacz;* Sro A. Kolomyjski sola estas Subdel. — *Oviedo:* Sro F. F. Braga estos Subdel. en Gijon. — *Ravena:* Sro Melandri (via Ramologessi 10) estas Subdel. — *Sofia:* Sro Atanasov fariĝis Del. varbinte pli ol 20 membroj.

## FINANCA FAKO

Niaj Del. kaj Subdel. bonvolu atente noti, ke de nun la kontoj de U. E. A. estos prizorgataj laŭ la jenaj kondiĉoj:

Al ĉiu Del. kaj Subdel. estas malfermata kredito ĝis 5 $ maksimume. Ni enskribos al lia debito ĉiujn mendojn, kotizaĵojn, abonojn al ESPERANTO, k. t. p. *Ĉiumonate*, se la debito superas 2 $, ni sendos fakturon. Se 10 tagoj post la ricevo de la fakturo, ni ne ricevis la monon aŭ proteston pri malkonsento, ni resendas pagavizon per kiu ni debitigas la ŝuldanton je 5 % de la ŝuldaĵo. Se 10 tagoj post la ricevo de la pagavizo ni ricevis nek la monon, nek sufiĉan klarigon, la nepaginto estos, laŭ § 19 de la Regularo, eksigata kaj tiu fakto konigata al ĉiuj membroj de lia regiono. La sperto montris, ke tiuj sankcioj cetere memkompreneblaj, estas necesaj por la bonordo de nia kaso.

Aliparte por instigi niajn Del. et Subdel. al sendo de antaŭa monprovizo, ni decidis, ke por ĉiu antaŭa monprovizo da 5 $ ni faros diskonton da 3 % en la mendoj de la konthavanto. Dank'al tio niaj reprezentantoj ricevos ŝatindan profiton sendante antaŭe monprovizon kaj ĉi tio aliflanke tre faciligas niajn kalkulojn. Ni do esperas, ke multaj uzos tiun sistemon.

∴ Ĉar pro manko de tempo nia antaŭa kasisto Sro C. Stroele jam ne povas plenumi tiun oficon, Sro Ed. Stettler, Genevo, direktoro de la Universala Esperantia Librejo estis elektita.

## FAKO ESPERANTO-OFICEJOJ

*Universala Esperanta Librejo:*

Ni havas la plezuron anonci al niaj reprezentantoj kaj membroj, ke ĉe la sama adreso kiel U. E. A. (10, rue de la Bourse, Genève) kaj ligita kun nia Asocio per speciala kontrakto fondiĝis sub la nomo *Universala Esperantia Librejo* entrepreno, kiu kiel oficiala Librejo de U. E. A. liveras al niaj reprezentantoj, oficejoj kaj membroj ĉiujn eldonaĵojn, kiel propagandiloj, lernolibroj, literaturaj kaj sciencaj verkoj, k. t. p. Ĝis nun ni devis sendigi niajn eldonaĵojn el alia urbo kaj ne okupis nin pri libromendoj kaj provizado de la Esperanto-Oficejoj. Nun dank'al la nova aranĝo, ĉiuj Esperantianoj kaj speciale Esperanto-Oficejoj povos venigi senpere de ni ĉion, kion ili bezonos por sia Esperanta agado. Ni tre esperas, ke ĉiu samideano uzos tiun novan servon, kiu signas grandan progreson en la organizo kaj utileco de U. E. A.

Pluajn detalojn niaj Del. trovos en nia Oficiala Bulteno.

Aliparte niaj membroj kaj legantoj estos per nia gazeto konstante informataj pri tiu grava institucio kaj ĝiaj servoj al la publiko.

## TURISMA FAKO

**Gvidfolio:**

Ĝis nun gvidfolioj estis eldonitaj en 25 urboj. Tiu nombro estas tute ne sufiĉa. Por ke tiu servo estu vere utila, estas necesege, ke *ĉiu urbo* havu sian gvidfolion. Tiam la vojaĝantaj Esp-ianoj povos senti la grandaj profitojn de tiu servo, dankal kiu ili pri ĉiu urbo havos la necesajn informojn turismajn. Ni do, komence de la agado esperantista, treege insistas por ke ĉiuj niaj Del. kaj Subdel. klopodu kiel eble plej, ke la grupo de ilia urbo eldonu gvidfolion sub la aŭspicioj de U. E. A.

Laŭ la 3a Oficiala Bulteno, pro la spertoj faritaj, la kondiĉoj pri eldonado de gvidfolioj estis modifitaj jene:

1e Ĉiu grupo povos presigi en presejo de sia urbo gvidfolion sub la aŭspicioj de U. E. A., kondiĉe ke: *a.* Ĝi komuniku al ni la manuskripton, kiu estos tralegata, laŭbezone korektata kaj resendata al la eldononta grupo; *b.* Ĝi estu presata en la tute sama formato kaj similaj literoj, kiel la ĝis nun eldonitaj gvidfolioj; *c.* la eldonanta grupo sendu al U. E. A. por disdonado al la petantoj 500 ekz. Neniu gvidfolio povos surhavi la mencion « publikigita sub la aŭspicioj de U. E. A. » kaj estos disdonebla, se ĝi ne konformiĝas al ĉiuj supre nomitaj kondiĉoj.

2e Ni prizorgas la presadon de la gvidfolioj de la grupoj, kiuj ne deziras tion fari, laŭ la prezo de 5 $ por milo. Oni sendu al ni legeblan manuskripton konforman al la ĝenerala modelo; ni konservos 500 ekz. por la servo de disdonado kaj sendos la ceteron al la eldoninta grupo.

Ĉiuj manuskriptoj estu sendataj al ESPERANTIO, Genève.

**Ĉiuj samideanoj havas la devon favori la komercistojn, kiuj reklamas en iliaj gazetoj. Legu do ĉiam la 4an paĝon de ESPERANTO.**

# Esperantiaj Informoj

Ĉiuj Del. et Subdel. estas petata komuniki al ni la vovaĵojn por tiu rubriko antaŭ la 20a kaj 5a de ĉiu monato.

**Edinburgh** (Skotl.). — U. E. A. daŭras progresi en ĉi tiu grava loko. Nun estas 35 membroj; ĉiuj servoj estas organizitaj.

**Evora** (Portugalujo). Nova Esp.-Oficejo estis fondita laŭ la iniciato de nia Subdel.

**Genova** (Italujo). — En tiu grava marhaveno ĉiuj servoj de U. E. A. estas nun starigitaj. Nia Del. preparas fortan movadon por nia Asocio.

**Kopenhag** (Dan.). — Post la morto de bedaŭrata Fino M. Schrœder, S-ro Hansen estis elektita Del. Esp-Oficejo plene organizita estas starigita Bredgade.

**Dresden** (German.). — Dank'al la agado de niaj du Del. S-ro Tessner kaj Dinger, U. E. A. kalkulas num pli ol 80 membrojn en la fama Kongresurbo. Imitinda ekzemplo.

**Paris** (Franc.). — Ĉe la Aeronaŭtika ekspozicio, kiu ricevas ĉiutage multegajn vizitantojn, la Esperanto-Librejo de nia Del., S-ro Warnier, havis la bonan ideon starigi informoficejon por la Esp-istoj kaj vendokontoron por konigi al la publiko la eldonitajn Esperantaĵojn. Tiun ekzemplon deus imiti ĉiuj niaj reprezentantoj, kiam en ilia loko okazos grava manifestacio aŭ ekspozicio.

∴ S-ro Robert, Del. en Paris-Nordo, komunikas al ni la jenon: Ĉar en la ĵus aperinta Tutmonda Jarlibro neniu linio rilatas al U. E. A. pri Parizo; ĉar aliflanke kelkaj korespondantoj miras pri tio kaj demandis ĉu ne plu ekzistas ĝiaj organizaĵoj, mi plezure sciigas ĉiujn interesatojn, ke ĝi estas nur forgeso kaj ke nia regiono estas jene provizita: Del. E. Robert, 5, rue Ravegnan), konsulo por komerco: A. Besnard; k. por Junuloj: V. Murati: k. por Virinoj: Fno Stribick; Fno Royer; Fno Gérard. Oficejoj: Presa Societo (33, rue Lacépède), S-ro Marseille (135, avenue Parmentier), Verda Stelo (129, rue Mercadet). Al ĉiuj oni povas plenfide sin turni, ĉu por specialaj servoj, ĉu por aliĝoj. »

**Plever** (Bulgar.). — S-ro Krestanof, Del., faris en la teatro de Tirnova sukcesan paroladon pri Esp. kaj U. E. A.; oni disdonis bulgarajn propagandilojn pri U. E. A., presitajn de de la Esp-Of. de Pleven. La gazeto « Istina » (Vero) publikigis du artikolojn pri U. E. A. kaj la tradukon de la parolado de S-ro Privat en Barcelono.

**Ĉiuj Esperantianoj nepre devas uzi la Esperantiajn Markojn vendatajn por la profito de centra kaso de U. E. A. 1 Sd por ekzemplero (minimuno 10)**

# Esperantia Parolejo

**Por kio servas U. E. A.**

Ni ricevas jenan leteron kiun ni plezure enpresas:

Permesu al mi ke mi informu vin pri la granda utileco kiun mi ricevis de U. E. A. dum mia vizito en Palma de Majorko post la Barcelona Kongreso. En tiu urbo mi trovis la delegiton de U. E. A. S-ron S. Alomar kiu ĝis neniam estis parolinta esperante kun fremdulo kaj kiu afablege sin metis je nia dispono. Nia delegito gvidis nin (mia edzino kaj mi) tra sia tuta urbo, akompanis nin ĝis la kastelo de Bellver pri kiu li donis al ni multajn kaj interesplenajn informojn. Ni retrovis ofte tiun junulon kaj mi povas certigi vin ke dank al li kaj sekve dankal U. E. A. mia vizito en la granda Baleara insulo estis kiel eble plej agrabla kaj fruktodona.

De vivu U. E. A. kaj ĉiam pli antaŭen!

D-ro Fromageot (Vicdel. Beaune).

# IXa LISTO de ESPERANTIANOJ

*kiuj pagis por 1909*

VLADIKAUKAZ (47.913). — D. D-ro A. Naumenko). — 1. D. Naumenko; 2. A. Plusarenks; 3. H. Jaason; 4. I. Cuguliev; 5. I. Černišov; 6. D. Ciskarauli; 7. D. Sturicki; 8. N. Carevskij; 9. S. Garibaŝvili; 10. W. Zinjeviĉ; 11. J. Riskin; 12. Kocebu; 13. S. Ĉeplakoda; 14. M, Njodora; 15. A. Pogoskoja; 16. V. Ŝevandina; 17. M. Stepanov; 18. M. Goleĝiŝvili; 19. M. Ostrovskaja; 20. A. A. Orlov; 21. V. Bilinskaja.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo; 21.*

| | |
|---|---|
| Antaŭaj listoj . . . . . . . . . | 2.121 |
| Sumo de la 9a listo . . . . . . | 203 |
| Listoj publikigotaj . . . . . . . | 1.978 |
| Sumo. . . . . . . . . | 4.302 |

**La Oficiala Jarlibro de U. E. estas necesega al ĉiuj Esperantianoj. Prezo: 0.25 $.**

# INSTITUTO DE ESPERANTO

**Ĝia Kunveno en Barcelono**

Mardon matene (post la kunveno de U. E. A.), je la 11 1/2 k. kunveno de l'*Internacia Instituto de Esperanto*. Sur la estrado: D-ro Zamenhof, Prof. Cart, Rektoro Boirac, Generalo Sebert, S-roj Ostrowski, Grabowski kaj aliaj.

S-ro Edmond Privat, prezidanto de l'Instituto, salutas kaj dankas D-ron Zamenhof kaj la tutan ĉeestantaron. Li unue deziras klarigi la fundamentajn principojn, laŭ kiuj gvidiĝas kaj laboras la Instituto.

Li deziras deklari unu fojon por ĉiam, ke la Instituto konsideras Esperanton *vivanta lingvo de vivanta popolo. (Tiam Sro Privat faras pri la vivo de nia lingvo la gravan paroladon, kies resumon ni publikigis kiel ĉefartikolon en la antaŭlasta Numero de Esperanto.)*

Poste S-ro Privat daŭrigas, donante kelkajn sciigojn pri la agado de l'Instituto dum la pasinta jaro kaj dankante siajn afablajn kunlaboratojn, speciale nian esperanto-verkistinon S-inon Milsom (E. Ramo) kaj ankaŭ D-ron Ostrovski.

Li tre bedaŭras, ke la projektitaj antaŭkongresaj kursoj ne povis okazi en Barcelono pro la politikaj malfacilaĵoj, kaj ĝojas antaŭvidi, laŭ la nombro de enskribiĝintoj, ke la afero povos bone sukcesi ĉe venontaj kongresoj.

La Instituto celas kuraĝigi bonan kaj profundan studadon de nia lingvo en la diversaj landoj. Ni nun devas prepari bonajn instruantojn, kiuj konu ne nur la lingvon sed ankaŭ ĝian literaturon.

La diplomoj de l'Instituto neniel konkurencas la diplomojn de naciaj societoj, ĉar ĝiaj ekzamenoj estas farataj laŭ absolute malsama vidpunkto.

Instituto devis tiun ĉi jaron komenci respondadon al multaj demandoj pri sintakso, vortaro, k. t. p., kaj ankaŭ konsiladon al instruantoj de kursoj. Ĝi speciale zorgis por enkonduki pli bonan instruon de la elparolado, kiu ankoraŭ nun estas tute malĝuste montrata en kelkaj naciaj lernolibroj.

Ĝi ankaŭ klopodis disvastigi pli simplan klarigon pri la akuzativa uzado, kiu ofte fariĝas malfacila nur pro la malklareco de l'instruado.

La Instituto esperas, ke baldaŭ oni povos organizi interŝanĝon de instruantoj de lando al lando por Helpi al pli granda unueco.

La internacia oficejo de l'Instituto en Ĝenevo (1) plezure donos detalajn informojn pri tiuj aferoj.

Pri la ekzamenoj, Sro Privat klarigas, ke nur por la *Atesto pri Studado* (I) oni povas ekzameniĝi koresponde. Por *Atesto pri Kapableco* (II) kaj *Profesora Diplomo* (III) oni faras korespondе la skriban parton de l'ekzamenoj kaj la parolan parton oni plenumas ĉe la filioj de l'Instituto en diversaj landoj.

Finante, S-ro Privat cedas la parolon al nia Majstro, tutkore dankante lin, ke li bonvolis ĉeesti.

Dum forta aplaŭdado stariĝas D-ro Zamenhof.

« Li antaŭ ĉio deziras diri sian admiron « al la elokventa parolado de S-ro Privat « kaj li opinias, ke li esprimos la senton « de la tuta ĉeestantaro dankante lin pro « lia bonega klarigo pri la vivo de nia ling- « vo. Li esperas, ke oni publikigos tiun « rimarkindan paroladon. Poste D-ro Za- « menhof gratulas la Instituton pro la « bonaj atingitaj rezultatoj kaj deziras al « ĝia utila agado ĉiam pli grandan sukce- « son. Li esperas, ke ĝi iam fariĝos unu el « niaj oficialaj institucioj. Ĝis tiam li deziras « nur diri, ke al instituto, kiun gvidas tiel « lerta esperantisto kaj tiel kompetenta « persono kiel nia amiko Privat, al tia ins- « tituto la tuta esperantistaro povas ĉiam « havi plenan kaj konstantan fidon. (Ap.)

Post la kunveno, pli ol tridek kongresanoj enskribiĝis por la parola ekzameno de l'IIa aŭ IIIa diplomoj. Ĉintage ĝis sabato, en ĉambro 10a de l'Universitato, ekzamenis la kandidatojn internacia juĝantaro konsistanta el: S-roj Prof. Cart, Corret, S-ino Marie Hankel (Gramatiko), S-roj Ostrovski, Samuel Meyer kaj Kühnl (Literaturo), S-roj Hodler kaj Rousseau (organizaĵoj de esperantismo), S-roj Grabowski, Butler kaj F-ino Jones (Modela leciono), S-roj Edmond Privat, Mann kaj Blaise (Metodoj de instruado.)

(1) 19, Pont d'Arve, Genève.

# Tra la Gazetaro

El *British Esperantist*: Kelkaj kritiketoj, de W. Mann:

Antaŭ ol fini, oni al ni permesu fari kelkajn kritiketojn, tute ne riproĉoj al la fervorege laborintaj organizintoj de la Kongreso, sed nur kelkajn rimarketojn pri punktojn observitaj de ni kaj de amikoj, por ke se eble oni evitu ilin en venontaj Kongresoj. Ili estas tre malmultaj! Unue, ŝajnis al ni bedaŭrinde, ke ne estis sufiĉe da tempo kaj okazoj por komuna kunesto por amika interbabilado neoficiala. Oni ja estis kune en la diversaj ĝeneralaj kunsidoj, kaj en la koncertoj, sed tuj post ilia finiĝo oni devis forkuri ĉiu al sia hotelo, kie oni loĝis po malgrandaj rondetoj kvazaŭ tute aparte de la ceteraj kongresanoj. En Dresdeno, kaj speciale en Cambridge, oni ĉe la komunaj manĝotabloj havis tre agrablajn okazojn por kunestado. Ni scias, ke la hotelaj kutimoj en Barcelono tre malfaciligis la aranĝon de io tia, sed sen ĝi, ni kredas ke Kongreso nepre perdas multe da tiu demokrata familia sento, kiu estas tiel ĉarma trajto de nia movado. Espereble en Washington oni povos pli atenti tiun punkton.

Alia punkto estis, ke en multaj kunvenoj nur la plej proksimaj povis aŭdi la plejmultajn oratorojn. Ekzemple, ĉe la Festo de la Floraj Ludoj, tre malmultaj el la aŭskultantoj en la flankaj navoj povis distingi la vortojn eldiratajn sur la tribuno. Ankaŭ en la Palaco de l'Belartoj kaj eĉ en la Paraninfo de la Universitato estis same.

Plue, ni scias, ke multaj kongresanoj, kvankam ili tre, tre ĝuis la belajn dancojn de la Katalunoj en la bala vespero, ankaŭ tre, tre multe bedaŭris, ke ne estis pli da dancoj por la Esperantistoj mem. En tiu vidpunkto, la balo ne estis kongresa balo internacia, sed pliĝuste elmontro de naciaj dancoj. *Inter*nacieco, kaj ne nacieco, ĉu ne, devus karakterizi niajn kongresajn festojn?

Oni pardonu tiujn malmultajn vortojn pri punktoj, kiuj tamen neniel malhelpis, ke la kvina, kiel ĉiu antaŭa Kongreso, estis plena sukceso!

# GRAVA AVIZO

**Ni avizas niajn abonantojn, kies abono finiĝis kun tiu No, ke, en la okazo se ili ne ankoraŭ repagis aŭ formale malabonis, ni enkasigos ilian reabonon per la poŝto, aldonante la elspezojn por la repagigo. La abonantoj loĝantaj en landoj, kie poŝtrepagoj ne estas akceptataj, estas treege petataj tuj sendi sian reabonon por ne kaŭzi interrompon en la ekspedado.**

**La plej simpla kaj ŝpariga maniero reaboni ESPERANTO estas pagi al la regiona Delegito aŭ Subdelegito de U. E. A. Ĝi tute evitas poŝtelspezojn.**

∴

Disvastigi *Esperanto* kaj ĝin legigi al kiel eble plej multaj personoj estas la plej bona maniero por instigi daŭran intereson al Esperantismo. Por tio ni faras rabaton da 25 0/0 por ĉiu mendo de almenaŭ 5 ekzempleroj sendataj al la sama adreso. (Pagado trimonata laŭ fakturo).

# REKLAMO

**TARIFO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Unu paĝo* . . | $ 240 | *1/8 kolono* . | $ 5 |
| *Unu kolono* . | 40 | *1/16* — . | 2.50 |
| *1/2* — . | 20 | *1/24* — . | 1.75 |
| *1/4* — . | 10 | | |

*Rabato da 10 % por 3 reklamoj, 25 o/o por 12 reklamoj; 50 o/o por 24 reklamoj.*

*Nenia alia rabato aŭ prezo konsentata.*

Sin turni al la *Administrejo*, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo) aŭ al la *ĝeneralaj agentoj:* G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris;* Presejo de Esperanto, 15, rue Amiral-Roussin, *Dijon* (Francujo); C. kaj G. Browne, Wellington St., Strand, *London* (Anglujo); Germana Esperanto-Librejo, Rathausstr, *Leipzig* (Germanujo); Traduka Oficejo, 6 Schleinitzstr, *Bromberg* (Germanujo); Librejo Saĥarof, Tverskaja 29, *Moskvo* (Rusujo).

**ESPERANTO** *estas la plej bona internacia reklamilo por ĉiuj komercistoj, industriistoj financistoj, aferistoj,*

*Ĉar ĝi estas la plej legata el ĉiuj Esperantaj gazetoj,*

*Ĉar ĝi havas legantojn en 44 landoj de l'terglobo,*

*Ĉar ĝi estas la oficiala organo de U. E. A. kaj estas uzata de ĉiuj Delegitoj, Konsuloj, Esperanto-Oficejoj.*

*Ĉar ĝi estas gazeto, kiun oni zorge konservas, kies ĉiun numeron legas ne unu persono, sed multaj, ĉe la kursoj, grupoj, k. a.*

*AVIZO. — La Administrejo serĉas en ĉiuj lokoj bonajn reklamo-makleristojn. Oni sin turnu al ĝi pri la kondiĉoj kaj pluaj informoj.*

# ANONCETOJ

**TARIFO**

Korespondado. — *Unu enskribiĝo $ 0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj ilustritaj;* L = *leteroj;* PM = *poŝtmarkoj.*

Petoj & proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj: $ 0.08 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj annoncetoj, rabato da 10 % por 3 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj, 50 % por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulilian anonceton senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

**Korespondado**

Pecka (Bohemujo, Aŭstrio). — Sro L. Vonka, N. 180. PI (tuj respondos).

Barcelono (Hispanujo). — Sro Jaume Mas, Str. Cadena 30. PI.

Ufa (Rusujo). — Sro N. Foss, veterinaro, PI. L.

Ipswich (Anglujo). — Fino Bland, 70 London Rd. PI.

Napajedla (Bohemujo, Aŭstrio). — Sro Juriček Frant.

Brno (Moravio, Aŭstrio). — Sro V. Odlozilik, Ziskrova ul. 38 (kun Esp-istoj el Budapest, Belgrad, Sofia, Konstantinoplo kaj Odessa).

Borga (Finlando). — Sro A. Backman, stud. PI.

Milano (Italujo). — Sro E. Castoldi, viale Volta 8 (kun teatristoj).

Kolin (Bohemujo (Aŭstrio). — Sro J. Dolejŝi, Havlečkova ul. 51. PI. PM,

Narva (Rusujo). — Sro A. Hanson, dom Tone (kun kompostistoj).

Bukarest (Rumanujo). — Sro E. Nicolescu, poste restante 356 (nur pri komercofistaj aferoj). J.

Nem-Brod (Bohemujo, Aŭstrio). — Sro Heyrovsky, juristo, PI. L. (kun neeŭropaj Espistoj.

Choisy-le-Roi (Seine, Francujo). — Sro L. Girard, Voie d'Ablons, Aux Grillons. PI.

La Roche-sur-Yon (Vendée, Francujo). — Sro Giraudon, rue et Villa Beauséjour. PI.

Lyon (Rhône, Francujo). — Sro Moufflet, 17, Montée Saint-Barthélemy. PI. L. (nur kun geangloj).

Beaune (Côte-d'Or, Francujo). — Sro E. Guillier, 60, rue Madeleine. PI.

Levallois (Seine, Francujo). — Sro A. V. Lahure, 25 bis, rue Kléber. PI.

Montceau-les-Mines (S.-et-L., Francujo). — Sro J. Badaut, rue Gare, PI.

Chateaurenault (Francujo). — Sro P. Gabory, ĉe Sro Descroix, horloĝisto. PI.

**Petoj kaj Proponoj**

**Esperantujo.** — Belega melodio por kanto kaj fortepiano de Barono de Ménil. Prezo po ekz. $ 0.90 afrankite. Germana Esperanto-Librejo, Kœnigstr. 19. *Leipzig.*

**Horloĝisto.** — Sro P. Gabory, ĉe Sro Descroix, horloĝisto, ĉu en Anglujo, ĉu en Germanujo. Sin turni al li plej rapide.

**Pensiono.** — Sro H. Muffang (19, rue du Fresne, *Angers*, Francujo) povas ricevi en sian familion unu pensionulon aŭ-inon. Liceaj kursoj laŭvole por knabo. Teniso.

**Guvernistino.** — Dro N. Kostjanicin (Bjeĵeck, Rusujo) proponas al germanino aŭ francino lokon de guvernistino por 2 infanoj. Loĝado kaj 15 $ monate.

**Maŝinmodelisto.** — Sro J. Gili (Str. Calderon 94, Sabade II, Hispanujo) serĉas laboron de maŝinmodelisto en kiu ajn lando, precipe en Franc. aŭ Svisujo.

**Meblisto.** — Sro J. Cervos (Str. Salud 20. *Sabade II*, Hispanujo) serĉas oficon ekster Hispan., prefere en Anglujo. J.

**Fotogrofaĵojn** de la Barcelona Kougreso dez. interŝanĝi Sro G. D. Lewis (5 Fenwick St. Liverpool, Anglujo). Sendos liston de siaj laŭ peto.

**Korespondo.** — Sro Moufflet (17, Montée Saint-Barthelemy, Lyon, Francujo) dez. koresp. kun anglo por perfektigi sin reciproke en la studo de la angla kaj franca lingvoj.

**Juna Esperantiano**, kiu lernas la hispanan lingvon, dez. koresp. kun Esp-ista hispano, kiu eklernas la francan. Sro Ferrand, 3, rue Denon, Chalon-s-Saône (Francujo).

# GRAVA AVIZO

**por KOMERCAJ KONSULOJ**

Reprezentantoj estas serĉataj en ĉiuj landoj por *skribmaŝinoj, kudromaŝinoj, bicikletoj, fotografaj aparatoj, krajonakrigiloj.*

Petu informojn de: *Bigalke & Mohwinkel, Bromberg* (Germanujo).

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Cosmopolitan Correspondence Klub.** — Granda internacia Klubo pri korespondado, kolektado k. t. p. — 7,000 membroj en la tuta mondo, belega ilustrata revuo en 4 lingvoj kun esperanta fako. Pri informoj aŭ aliĝiloj skribu al Cas. Post. 601. *Genova*, Italia.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago ; belega vidaĵo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : F^{no} A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

**Ofico.** — S^{ro} M. Fichtner (Perswaldau a/Breslau, Germanujo) serĉas oficon en franca Svisujo aŭ Francujo kiel privata sekretario, vojaĝakompananto, aŭ komerco-instruanto.

**Germana Fraŭlino.** — Scianta Esperanton kaj iomete francan lingvon deziras ricevi oficon en franca familio. Ŝi estas preta utili por instruado de germana lingvo, fortepiano k. t. p. al infanoj. Malgranda salajro postulata. Oni bonvolu skribi al F-ino Anny Taŭbe. Münster i. Taŭnus (Germanujo).

**Junulo** ne malpli ol 16-jara estas serĉata de Esperanto-Librejo kaj biblioteko en Genève por prizorgi la ekspedadon kaj fari malgrandajn oficejajn laborojn. Bona okazo por lerni la francan kaj Esperantan lingvojn. Malgranda salajro de komenco. Skribi al Esperantio, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis.).

**Novaj Svisaj Poŝtkartoj.** — S-ro C. Hildebrandt, sendas por 50 cent. aŭ du internaciaj responkuponoj la novajn oficialajn PK. eldonitajn la 4 oktobro, okaze de la inaŭguro de la internacia poŝta monumento en Bern.

## Komercaj reklamoj

### TRA LA FILATELIO

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fiže, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Koviloj** sekigantaj « Perfekta » je varma aero kaj aŭtomata reguligilo ; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj ; Katalogo ricevebla de J. Pascarel. Tours (Francujo).

**Riprezentado.** — Londona Agento, hav. oficejon, dez. riprez. alilandan firmon (ne alkohol.) Bonaj referencoj. — « The Ronda Agency », 87, Finsbury Pavement, London E. C.

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

**Muziko.** — S^{ro} A. Besnard, muzikeldonisto, 26, rue Antoinette, Paris, liveras ĉiujn ajn muzikaĵojn, el ĉiuj landoj, laŭ plej profitaj prezoj.

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via dell' Agnolo 48, Firenze (Italujo). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercaĵoj.

**Filatelistoj** por poŝtmarkoj el via lando interŝanĝe sendos poŝtmarkojn el Hispanujo kaj hispanaj kolonioj.
José Pose Villelga advokato, Bilbao (Hispanujo).

**Komercaĵoj.** — S^{ro} A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Manpurigilo por ĉiu lavejo** (Esperantia entrepreno). — Ĉiu homo perdas de unu minuto ĝis unu horo ĉiutage, se oni ĝin ne posedas.

Inter eminentaj Esperantistaj skribas pri ĝi Dro Pierre Corret, Versailles, Sekr. de Lingvo Internacia :

« Tre korandankon. Estimata Samideano, por via afabla alsendo de ŝtono « Pura-Mano », kies bonegan efikon mi persone spertis k. c. »

Unu peco, 30 Sd., afrankite. Pogrande grandan rabaton.

Niles Winberg. Bengtsfors, Svedujo.

# Parolo pri Higieno

Demando, kiu tre rilatas al la higiena afero, en tiu senco ke, kiam ĝi estas solvita, ĝi malebligas multon de malsanoj konataj, estas tiu, kiu koncernas la intestajn funkciojn de la individuoj.

Laŭ vidpunkto malserioza, estas demando iom petoleca ; sed laŭ vidpunkto serioza, ĝi meritas atenton de la kuracisto, kiu zorgas pri saneco de familioj, kaj de ĉiu individuo, aparte, zorgante pri sia stato fizika kaj morala, por estanteco kaj por estonteco.

Unu vorto esprimas la situacion : la mallakso.

Konsiderata kiel efiko, oni devas eltrovi la kaŭzojn por rimedi ; konsiderata kiel kaŭzo, oni devas studi la efikojn por eviti iliajn terurajn rezultatojn. Kiuj estas la kaŭzoj de la mallakso !

Dum infaneco kaj unua juneco, ĝi estas malofta. Pli malfrue, la precipa kaŭzo estas la senmovado. La personoj sidantaj, precipe la oficistoj, estas preskaŭ ĉiuj en tia stato. La virinoj, kiujn la perkudrilaj laboroj devigas sidadi, estas ankaŭ en tiuj bedaŭrindaj kondiĉoj. Fine, la maljunuloj, ĉe kiuj la intesto atona jam ne havas movojn peristaltikajn, suferas ankaŭ pro tiu plimultiĝo de kriplaĵoj.

Pro tio, okazas ĉe la personoj mallaksaj : foriĝo de apetito, kormalsano aŭ naŭzoj, pezo en ventro, emoj al sangalfluoj, el kiuj unu, tiu al la cerbo, estas precipe danĝera. Tiaj estas la kaŭzoj kaj efikoj fizikaj. Kiuj estas la efikoj sur la spirito ?

Ili estas konataj. La personoj, suferantaj pro tiu ĉi malsano, havas karakteron malgajan, ĉagrenan, incitiĝeman.

En komedio, ĉe la « Palais-Royal », nomita « Le Homard » (la Omaro), oni vidis sinjoron malafablan, malagrablan, malkontentan pri ĉio, ŝarĝo por li mem kaj por sia familio, iĝi subite afable, ĉarma por ĉiuj, fine, feliĉa je la vivo. Kial ? Tial ke amiko lia, kuracisto laŭokaze, redaktinta recepton, nelegeblan por ke li ne sin komprenigu, donis ĝin al apotekisto inteligenta, laŭ ĉiuj vidpunktoj, kiu liveris laksilon. Post la efiko de la laksilo kaj la kutimaj tordiĝoj, en tia cirkonstanco, de la aktoro, la ŝanĝiĝo estis okazinta. Ĉu oni povas montri plej bonan studon de l'koro, — pardonu ! — de l'homa karaktero ?

Ja, en privata vivo, vi ĉiutage renkontas iujn el tiuj personoj malsanaj, maltrankvilaj, konfuzantaj ĉiumomente sian familion pro sia malbona humoro. Por ili ekzistas nek rido, nek gajeco ; kiam ili ridas, *ili ridas flave*, laŭ la vulgara esprimo. Estas la rebrilo de la galo, kiu amasiĝis en ilia intesto.

En publika vivo, la malkontentuloj, sub iu ajn regado, la deziregantoj de neeblaj progresoj, pri kiuj la ideo unua ŝprucis el ilia cerbo malsana, kiuj ili estas ? Mallaksuloj, plej ofte. Tiam, donu liberecon... al ilia ventro.

Ja, estas la vortoj, kiujn diris, antaŭ kelkatempe, unu el la jurnaloj la plej disvastigataj : *El ĉiuj liberecoj, la plej bona estas la libereco... de la ventro ;* kaj pri kio ĝi diris tion ? Precize pri la plej bona protektanto de tiu karega libereco, tiel estas, pri niaj « Véritables Grains de Santé du D^r Franck ». (Veraj Grajnoj de Saneco de D^{ro} Franck.)

Ĉar, ekzameninte la malgajajn rezultatojn de la mallakso, estas bone ke oni konu la rimedon. Neniu estas pli simpla, pli facila por engluti, ol tiuj malgrandaj arĝentkoloraj piloloj, kiuj ne povas kaŭzi iun tedon, sed, kontraŭe, kaŭzas rezultatojn tiel mirindajn.

Pri tio, ni alvokas la spertajn atestojn de niaj klientoj.

D^{ro} FRANCK.

P.-S. — Por provo, skribi al T. LEROY, 96, rue d'Amsterdam, Paris (France), kaj estos sendata specimena skatolo enhavanta ses grajnojn.

En ĉiuj apotekoj, skatolo kun 50 grajnoj, fr. 1.50 ; skatolo kun 405 grajnoj, fr. 3.

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 n^o j), afrankite 250 $.

Sin turni alla Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

# POŜTKARTOJ

de la

## Kongreso Barcelona

*KOLEKTO 14 KARTOJ*

(11 kartoj de Barcelona, 2 de la Postkongreso en Valencia, 1 de la Hispana reĝo).

$ 0.55 *afrankite*

Eldonejo « Esperanto » Germanujo : *Leipzig*, Langestrasse, 27.

Solaj serioj riceveblaj :

Por *Francoj*, Esperantista Centra Oficejo, Paris, 51, rue de Clichy, Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède.

Por *Holandoj*, Holanda Esperanta Librovendejo, Amsterdam, Radhuisstr., 43.

Por *Rusoj*, Librejo Esperanto, Moskvo, Iverskaja, 28.

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

aŭ ESPERANTIO

**Fondita la 28^{an} de Aprilo 1908**

CELO : Plifaciligi la rilatojn inter diverslingvanoj kaj krei fortikan ligilon de solidareco inter siaj membroj. Por tio ĝi starigas diversajn internaciajn praktikajn servojn tuj uzeblajn de la personoj, kiuj partoprenas en la vivo internacia (Komerco & industrio, turismo, junuloj, informoj, k. a.)

ORGANIZO : En ĉiu regiono estas *Delegito* aŭ *Subdelegito*, kiuj reprezentas la komitaton, varbas membrojn kaj zorgas pri la funkciado de la servoj de la Asocio. Li laŭbezone estas helpata de diversfakaj *Konsuloj* (turismo, komerco, virinoj, junuloj, maristoj), kiuj havas la devon respondi pri sia fako ĉiujn informpetojn de Esperantianoj aŭ Esperantiaj entreprenoj. La *Komitato* estas balotata de la Delegitoj ; la Delegitoj estas balotataj de la membroj, por 2 jaroj.

SERVOJ : Senpaga liverado de informoj pri ĉiuj fakoj. — Helpado al vojaĝantoj. Helpado al junuloj, kiuj vojaĝas eksterlanden aŭ serĉas oficon aŭ deziras ellerni fremdajn lingvojn aŭ viziti alilandan universitaton, k. c. — Starigo de Esperanto-Oficejoj en ĉiu loko. — Reklamo kaj disdonado de reklamiloj. — Perado por reklamo kaj dungado. — Liverado de informoj komercaj kaj enketoj. — Juraj informoj. — Organizo de karavanoj kaj someraj libertempaj kolonioj. — Eldonado de gvidfolioj. — Instigo al eldonado de gvidlibroj. — Ekspozicioj. — Konkursoj, k. t. p., k. t. p.

ALIĜOJ : Ĉiu persono, kiu deziras aliĝi, informu pri tio la Delegiton aŭ Subdelegiton de sia loko (se estas nek Del., nek Subdel., li sin turnu al la sidejo de U. E. A.) kunsendante la jaran kotizaĵon **36 sd.** Interŝanĝe li ricevos membrokarton, kiu donos al li la rajton uzi ĉiujn servojn de U. E. A. — La grupoj, societoj, komercaj, firmoj, gazetoj, kontoroj, korporacioj, k. a., povas aliĝi kiel *Esperantiaj entreprenoj* (Kotizaĵo : **2 sm.**) kaj interŝanĝe rajtas uzi la specialajn servojn de U. E. A. starigitajn por ili. La grupoj, societoj, organizaĵoj, k. a., kies ĉiuj membroj estas samtempe membroj de U. E. A., estas *Esperantiaj Asocioj* kaj senpage ĝuas la rajtojn de la Esperantiaj Entreprenoj.

NUNA STATO : Je la 1^a de oktobro, U. E. A. kalkulis 85 Delegitojn, 122 Vicdelegitojn, 668 Subdelegitojn, 465 Konsulojn, 154 Esperanto-Oficejojn, en 700 lokoj kaj 44 landoj ; ĝi havis 4500 membrojn, 80 Esperantiajn Entreprenojn kaj 10 Esperantiajn Asociojn.

## KOMITATO DE U. E. A.

D^{ro} L. L. ZAMENHOF, *Honora Prezidanto*. — H. BOLINGBROKE MUDIE, *Prezidanto, London*. — H. HODLER, Vicprezidanto *(Administrado*, Genève). — TH. ROUSSEAU *(Financoj)*, Dijon. — A. CARLES *(Konsuloj)*, Béziers. — P. BLAISE *(Esperanto-Oficejoj*, London. — J. SCHMID *(Turismo)*, Bern. — D^{ro} M. KANDT *(Komerco & Industrio)*, Bromberg. — F. ROCKMANN *(Junuloj)*, Magdeburg.

La Centra Oficejo : **10, rue de la Bourse, Genève** (Svisujo).

# Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,25 Sm. ; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 20 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,70 Sm.

*Oficialaj kovertoj*. Prezo, 100 ekz : 0,40 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj*. Prezo, 100 ekz. : 0,70 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm. ; 50 ekz. : 1,50 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio*. Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm ; 50 ekz. : 0,80 Sm ; 100 ekz. : 1,50 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Esperantio, Universala Esperantia Librejo**, 20, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj jenaj el la adresoj :

D^{ro} M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, 12, Casella Postale, *Bologna* (Itala).
S. SZABUNIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj & Subdelegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.